# Etnismo

ISSN0930

N-RO 80 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 30.06.2007




**aina virino en tradicia kostumo**

## EN TIU ĈI NUMERO:





**GERNIKA 70JAROJN POSTE**



*"Dum multaj epokoj Narva estis limurbo inter okcidenta Eŭropo kaj Rusio, kaj tia ĝi estas ankaŭ nun, jam kiel limo inter Eŭropa Unio kaj Rusio".*

*Kalle Kniivilä*

# LINGVA EKSPEDICIO EN ESTONIO

***La nokton inter la 26-a kaj la 27-a de aprilo la estona ŝtato malmuntis bronzan statuon starigitan en la ĉefurbo memore al la "liberigaj sovetaj soldatoj". Tio kaŭzis protestajn manifestaciojn de la rusa minoritato kaj severan malboniĝon de la rilatoj inter Estonio kaj Ruslando. La sekva artikolo raportanta vojaĝon okazintan en la epoko de tiuj eventoj alportas konkretajn spertojn pri la lingva situacio en la plej norda balta lando.***

Kiel multaj finnoj kun ioma lingva interesiĝo, ankaŭ mi plurfoje ekstudis la parencan estonan lingvon. Mi neniam atingis fluan lingvoscion, sed tamen kapablas pli-malpli kompreni gazet-artikolojn kaj - kun iom pli da peno - ankaŭ televidajn kaj radiajn novaĵojn. Ĉar mi krome bone scias la rusan, kaj dum longa tempo ne vizitis Estonion, mi pensis ke por mi kiel ĵurnalisto estus interese fari studviziton



"...kremtort-aspekta domo kun sovetia stelo."

por ekscii pli pri la lingva situacio en la lando.
Kiam mi kaj mia kolego *Martin Hallgren* sukcesis ricevi malgrandan stipendion por tia studvizito, ni apenaŭ imagis, ke la temo iĝos tiel aktuala ĝuste dum nia vojaĝo. La daton por la vizito ni elektis imagante ke fine de aprilo jam estos varme en Estonio. Kiam ni alvenis en la flughavenon de Talino la 23-an de aprilo, la ĉielo estis griza, pluvetis, kaj la temperaturo estis 3 gradojn super nulo. Fine de la semajno la temperaturo tamen diversmaniere altiĝis, sed pri la Bronza soldato mi verkos aparte[1].

## EN KIU LINGVO KOMUNIKI?

En la sovetia tempo la plej populara fremda lingvo en Talino estis la finna, ĉar finnaj turistoj estis riĉaj kaj la finna televido estis unu el la malmultaj fenestroj al la okcidenta mondo. Krome kompreneble la finna estas same facile lernebla (kaj foje perfide simila) por la estonoj kiel la estona por la finnoj. Ankaŭ la rusa kompreneble efike funkciis, se oni ne sciis bone paroli la estonan. Sed en kiu lingvo komuniki kun la lokanoj nun, pli ol 15 jarojn post la disfalo de Sovetio? Se kredi la rusiajn amaskomunikilojn, almenaŭ ne ruse. Laŭ daŭraj raportoj de la rusiaj televidkanaloj, la ruslingvanoj en Latvio kaj Estonio estas krude diskriminaciataj kaj la rusa lingvo ne tolerata.
La efektiva situacio montriĝis iom alia - la vendistoj en Talino senprobleme transiris al la rusa, se mi alparolis ilin en tiu lingvo. Ĉio alia estus ja mirinda kaj kontraŭa al la leĝoj de la merkat-ekonomio, konsiderante ke 40 procentoj el la loĝantoj de Talino estas ruslingvanoj. Sed ĉiuj ŝildoj kaj reklamoj estas nur estonlingvaj, kaj ne nur en Talino, sed ankaŭ en la plej ruslingvaj partoj de la lando. La kialon ni malkovris poste, sed jam la unua kontakto kun Talinano estis instrua. Li kompreneble estis la taksiisto en la flughaveno.

## ENTAKSIA KONVERSACIO

Mi alparolis la taksiiston en mia mankohava estona, kaj li respondis malmultvorte. Kiam mi vidis lian nomŝildon kaj rimarkis ke li aŭskultas ruslingvan radiostacion, mi transiris al la rusa, kaj li iĝis multe pli babilema. Laŭ li, du trionoj el la taksiistoj en Talino estas ruslingvanoj, kaj ne ĉiuj ege bone scias la estonan.




"Tipa kontrasto videblis en vojkruciĝo ĉe la finna grandvendejo Stockmann ..."

- Sed la lingva inspektejo atakadas, oni devas scii la estonan. Tio vere estas troigita, ja mi ricevas pagon ne por interparoli kun la klientoj, mia tasko estas scii, kie estas la adreso kaj sekure veturigi ilin tien. Sed vere foje oni pensas, ke necesus postuli krompagon por psikologiaj servoj. Multaj klientoj volas rakonti al mi pri siaj plej privataj problemoj dum la veturo, la viroj plendas pri virin-problemoj kaj la virinoj plendas pri la viroj.
Krome montriĝis ke la taksiisto venas el la ruslingva urbo *Narva*, kien ni estis veturontaj, kaj ke liaj gepatroj plu loĝas tie. Laŭ li, ne nur Talino, sed ankaŭ *Narva* multe evoluis dum la lastaj jaroj. Tamen en *Narva* la ŝanĝoj koncentriĝis ĉe la ĉefstrato kondukanta al Talino - laŭ ĝi estis konstruitaj pluraj modernaj aĉet-centroj.

## DE TALINO AL *NARVA*

La randoj de Talino ne faris precize tiel modernan impreson kiel mi atendis - estis multaj brile modernaj vitraj kestoj kaj turoj, sed evidente restis eĉ pli multaj




sovetiecaj konstruaĵoj, el kiuj kelkaj estis en relative malbona stato. Ankaŭ centre de la urbo oni diversloke povas plu vidi la sovetian heredaĵon. Tipa kontrasto videblis en vojkruciĝo ĉe la finna grandvendejo *Stockmann*, kie la alian flankon de la strato regis stalinisma kremtort-aspekta domo kun sovetia stelo.
En la bagaĝ-deponejo de la aŭtobusa stacidomo la maljuna virino ne volis paroli la rusan, sed ni elturniĝis per mia miksaĵo de la finna kaj la estona. La kasistino en la bilet-giĉeto diris la prezon de bileto al *Narva* en la angla, rimarkinte ke ni estas eksterlandanoj. La bus-ŝoforo estis estonlingvano, sed senprobleme parolis ruse kun la pasaĝeroj. El la loĝantoj de *Narva* proksimume 95 procentoj estas ruslingvanoj, do preskaŭ ĉiuj pasaĝeroj en la buso estis rusoj.
Dum la vojaĝo la buso haltis unue en la mineja urbo *Kohtla-Järve*, tuj poste en la regiona ĉefurbeto *Jõhvi*, kaj poste ankaŭ en *Sillamäe*. Ĉiuj stratindikiloj, aliaj publikaj ŝildoj kaj preskaŭ ĉiuj reklamoj estis nur estonlingvaj, kvankam la majoritata lingvo en la nord-orienta parto de Estonio estas la rusa. Tiel estis ankaŭ en *Narva*, kie tre malmultaj homoj efektive parolas la estonan. Same en grandvendejoj la nomoj de sekcioj kaj informoj pri la varoj sur la bretoj estas skribitaj nur estone. La impreso estas iom skizofrenia, ĉar parole mi en *Narva* aŭdis la estonan lingvon nur en la hotelo, kaj tiuj, kiuj loĝas en hotelo, evidente ne estas lokanoj.

## ĈE LIMO DE E.U. KAJ RUSIO

La urbo *Narva* estas interesa el sveda historia perspektivo, ĉar ĉi tie en la jaro 1700 la sveda reĝo Karlo la 12-a venkis super armeo de la rusa caro Petro la 1-a en la unua batalo de la Norda Milito 1700-1721[2]. Dum multaj epokoj *Narva* estis limurbo inter okcidenta Eŭropo kaj Rusio, kaj tia ĝi estas ankaŭ nun, jam kiel limo inter Eŭropa Unio kaj Rusio. Kaj ne nur limo, sed malfacile transirebla limo.
Ni jam en Svedio dum kelkaj semajnoj provadis aranĝi vizon por viziti ankaŭ *Ivangorod*, la rusian urbeton sur la alia flanko de la rivero, sed sensukcese. La sola hotelo en *Ivangorod* montriĝis ne havi la nepre bezonatan rajtigon de la rusia ministerio de eksterlandaj aferoj por fari la dokumentojn nepre



bezonatajn por turisma vizo. La administranto de la hotelo sukcesis tamen havigi por ni tiajn dokumentojn el hotelo en Sankt-Peterburgo. Kiam la ambasado de Rusio en Stokholmo rifuzis akcepti la peterburgajn dokumentojn, ni rezignis pri nia plano




"... kiosketojn de la finna ĉeno *R-kioski*..."

doni al Rusio iom da turismaj enspezoj, kaj decidis spekti la rusian kastelon de *Ivangorod* nur de sur la estonia bordo de la rivero *Narva*.

La vidaĵo efektive estas impona: sur la okcidenta, estonia bordo la blanka turo de la fortikaĵo ekkonstruita de danoj jam en la 13-a jarcento; sur la alia flanko la griza fortikaĵo de *Ivangorod*, ekkonstruita de rusoj en 1492. Lunde vespere, spite la malvarmon kaj pluveton, sur ambaŭ flankoj de la rivero staris fiŝkaptistoj. Sur la rusia flanko iu faris lignofajron, eble por varmigi sin.

En la korto de la fortikaĵo en *Narva* ni iom surprize trovis statuon de Lenino. Poste ni eksciis, ke ĝis la sendependiĝo de Estonio ĝi staris en la ĉefa placo antaŭ la urbodomo. Apud la fortikaĵo troviĝas ankaŭ tipa sovetia obelisko, omaĝe al la "liberigintoj". Proksime de la urbodomo, sur malnova muro de fortikaĵo, estas plia monumento al la sovetiaj trupoj, kun la ruslingva teksto "Eterna honoro al la liberigaj soldatoj".

Inter la du fortikaĵoj videblas la ponto, trans kiu nun devas pasi kamionoj el Eŭropa Unio al Rusio. La funkciado de la rusia doganejo ŝajnas same glata kiel la ricevado de turismaj vizoj - la vicoj de kamionoj kun grandaj furgonoj, atendantaj sur la estonia flanko, estis plurajn kilometrojn longa en merkredo, kiam ni forveturis el *Narva*. Lunde, kiam ni alvenis, ial tamen tute ne estis vico, kaj ni miris, kial apud la vojo, meze de nenio, staris transportebla necesejo. Poste evidentiĝis, ke ĝi ja estas urĝe bezonata de la atendantaj kamionistoj.

Ĉar preskaŭ ĉiuj malnovaj konstruaĵoj krom la fortikaĵo kaj la malnova urbodomo estis detruitaj fine de la dua mondmilito, la ĝenerala aspekto de la urbocentro de *Narva* tre similas al multegaj aliaj negrandaj urboj en eksa Sovetio. En la centraj partoj de la urbo multaj domoj bezonus pli da farbo, kaj la plej multaj modernaj grandvendejoj efektive troviĝas urborande. Ĉie en la tuta urbo kaj efektive ŝajne en la tuta Estonio oni povas trovi kiosketojn de la finna ĉeno "*R-kioski*", kvankam en la estona la kioskoj nomiĝas "*R-kiosk*", sen la fin(n)a i.

La kioskoj havas la samajn kolorojn kiel en Finnlando, kaj ĝenerale memorigas pri la finnaj kioskoj de mia infanaĝo - nuntempe ja en Finnlando kaj Svedio apenaŭ ekzistas kioskoj kun giĉeto, preskaŭ ĉiuj R-kioskoj transformiĝis en butiketojn, kiujn la kliento eniras. Ankaŭ tiaj ja ekzistas en Estonio, sed la pli simpla giĉeta variaĵo ŝajnas superregi.

La finnan impreson fortigas la fakto, ke ekster ĉiu kiosko estas pendigita reklamfolio de la bulvarda gazeto *Õhtuleht*, la plej granda ĵurnalo de Estonio, kaj laŭaspekte tre simila al finnaj bulvardaj gazetoj. Devas temi pri ia ĝenerala interkonsento kun la kioska ĉeno, ĉar en Narva certe malmultaj aĉetas estonlingvan gazeton. Mi provis demandi ĉe unu kioska vendisto, ĉu efektive oni vendas multajn ekzemplerojn de *Õhtuleht*, sed ŝi ŝajne opiniis la demandon iom stranga - eble ŝi suspektis ke mi reprezentas la lingvan inspektejon? Ŝi ĉiukaze diris, ke oni ja ĉefe aĉetas ruslingvajn gazetojn, sed se oni ja aĉetas ion estonlingvan, do unuavice ĝuste *Õhtuleht*.

En unu el la modernaj kaj okcidentecaj aĉet-centroj tuj ekster la urbocentro ĉiuj ŝildoj same estas en la estona, tamen en la kafejo la nomoj de la desertoj sur la nigra tabulo estas paralele skribitaj ankaŭ en la rusa. En la kinejo en la tria etaĝo de la aĉetcentro oni montras ĉefe usonajn filmojn. Mi demandis al la kasisto, en kiu lingvo la filmoj estas, kaj ŝi klarigis, ke kutime estas en la originala lingvo, kun tekstoj kaj en la estona kaj en la rusa. Kelkaj filmoj tamen estas montrataj kun rusa parolo.




Ŝildo en la estona lingvo

### TRA REDAKTEJOJ

La unua vizito en nia programo estis ĉe *Sergej Stepanov*, la ĉefredaktoro de la ruslingva ĵurnalo ***Narvskaja Gazeta***. La gazeto estas la daŭriganto de la iama komunisma *Narvskij Raboĉij* (Narva Laboristo), kaj *Sergej Stepanov* akcentis, ke temas pli la plej malnova gazeto de la urbo. La gazeto aperas dufoje semajne, kaj la eldonkvanto ne estas ege impona: 3.500 ekzempleroj. Krome la sama entrepreno eldonas tre magran kaj senenhavan estonlingvan gazeteton, kies eldonkvanto estas nur 500 ekzempleroj. Ĝenerale la gazeta merkato en la urbo ŝajnas iom problema, ĉar estas tri mezgrandaj gazetoj, kiuj konkurencas unu kun la alia, kaj kun semajna senpaga gazeto de la municipo, kiu elsuĉas ĉiujn anoncojn.



Narvskaja Gazeta

Ajnakaze, ĉe *Sergej Stepanov* ni petis bazajn informojn pri la urbo, kaj eksciis, ke la ĉefa laborejo ne estas la teksaĵ-fabriko *Kreenholm*, kiel ni kredis, sed la du grandaj elektrejoj, kie oni bruligas la olean ŝtonon de *Kohtla-Järve* kaj produktas energion por granda parto de Estonio. La oficiala senlaboreco estas malalta, 7 procentoj, parte pro migrado de laborforto.

En la urba konsilantaro tre grandan majoritaton havas la Centra partio, kiu subtenas la rajtojn de la ruslingvanoj kaj de malriĉuloj. Laŭ *Sergej Stepanov* (evidente mem ne subtenanto de la Centra partio) ĝi estas preskaŭ rekta heredanto de la Komunisma partio de Sovetio.

Kiam ni demandis pri la ŝildoj kaj skribaĵoj, kiuj ĉie en la urbo estas estonlingvaj, kvankam la urbanoj parolas la rusan, *Sergej Stepanov* klarigis, ke en *Narva* oni sekvas la Leĝon pri la lingvo, kiu postulas, ke publikaj ŝildoj estu en la estona. Aliflanke la leĝo ne malpermesas, ke estu aldone ŝildo ankaŭ en la rusa, sed laŭ *Sergej Stepanov* la urbanoj ne certas pri la leĝo kaj timas eventualajn problemojn kun la lingva inspektejo. Krome aldono de rusaj ŝildoj kostus pli da mono.



"Kanalo 4 estas tute ruslingva ..."

La Leĝo pri la lingvo povas laŭ *Sergej Stepanov* foje konduki al tute absurdaj sekvoj. Laŭ la leĝo, la diskutoj en la urba konsilantaro devas okazi en la estona, sed preskaŭ ĉiuj deputitoj estas ruslingvanoj, kaj parto tute ne scias la estonan. Dum la antaŭa mandat-periodo la konsilantaro ĉiam havis neformalan, ruslingvan kunsidon antaŭtagmeze, por diskutoj. Poste, vespere, okazis la oficiala kunsido, dum kiu la prezidanto voĉlegis la proponojn en la estona, kaj la deputitoj senvorte voĉdonis laŭ la anticipa interkonsento. Dum la nuna mandatperiodo la urba konsilantaro decidis simple fajfi pri la leĝo, kaj havi kunsidojn en la rusa spite la malpermeson.

La lernejoj en *Narva* plu estas ruslingvaj, kvankam la registaro dum longa tempo diskutas plian estonigon de la lerneja sistemo. Laŭ la nun valida decido, ĉiuj lernejoj ekde aŭtuno 2007 devos transiri al estonlingva instruado, eĉ se ne en ĉiuj studobjektoj, do almenaŭ en multaj.

- Tio estas plia absurdaĵo, ĉar tio simple ne eblas. Estas 13 lernejoj en la urbo, kaj laŭ niaj esploroj en tiuj lernejoj sume estas 15 instruistoj, kiuj entute kapablus instrui en la estona je iel akceptebla nivelo, diras *Sergej Stepanov*.

Poste ni pluiris al la loka redakcio de Estona radio. Unu el la tutlandaj kanaloj de Estona radio, **Kanalo 4**, estas tute ruslingva, kaj la redakcio en *Narva* unuavice produktas programerojn ĝuste por la ruslingva kanalo. Antaŭe estis ses ĵurnalistoj, nun la kvanto estas reduktita al kvar. La kvar ĵurnalistoj produktas duonhoran programon kun lokaj novaĵoj en ĉiu labortaga mateno, kaj krome raportaĵojn por la tutlanda vespera ruslingva novaĵ-elsendo. Aldone unu el la ĵurnalistoj, estonlingvano, faras lokajn raportaĵojn pri *Narva* por la tutlanda estonlingva programo.

La ĉefo de la redakcio, *Galina Ŝustrova*, rakontas ke neniu plu pensas pri la estonlingvaj ŝildoj aŭ pri la manko de ruslingvaj tradukoj.

- Oni multe parolis pri tio tuj post la sendependiĝo, sed nun ĉiuj jam alkutimiĝis. Se oni ĉiutage iras al vendejo, oni ne rigardas la ŝildojn, oni ĉiukaze scias en kiu breto oni trovas la bezonatajn varojn. Sed por

maljunuloj ja estas problemo, kiam ili ricevas medikamenton kaj la instrukcioj estas nur en la estona, kiun ili ne komprenas. Tio povas eĉ esti danĝera.
Laŭ *Galina Ŝustrova* estis diversaj klopodoj por ricevi permeson konduki la oficialan internan korespondadon kaj la kunsidojn de la urba administracio en la rusa, sed senrezulte. En la praktiko oni laŭ ŝi tamen ofte ignoras la leĝon kaj skribas dokumentojn en la rusa. Ŝi aliflanke diras, ke ŝi komprenas la lingvan politikon de la estona registaro.
- Estas tre multaj ruslingvanoj en Estonio, pli ol 40 procentoj. La rusa estas grava lingvo kaj Rusio estas tuj apude. Se en Estonio oni donus al la rusa lingvo oficialan statuson, ĝi tute sufokus la estonan. Kaj por junuloj estas grave lerni la ŝtatan lingvon, tial estas bone se pli granda parto de la lerneja instruado estos en la estona. *Narva* estas ofte konsiderata kvazaŭ ĝi ne vere estus parto de Estonio, por ŝanĝi tion necesas, ke la juna generacio bone lernu la estonan.



Poste ŝi faris sufiĉe longan intervjuon kun mi por la loka, merkreda matena elsendo, kaj demandis kial ni venis al *Narva*. La enkonduko de la raportaĵo iom amuzis min, kiam mi aŭdis ĝin en la radio la sekvan matenon: "Hieraŭ nian urbon vizitis ne nur la nova ministro de kulturo, sed ankaŭ la svedaj ĵurnalistoj *Kalle Kniivilä* kaj *Martin Hallgren…*"
Post la radio ni trovis tempon viziti ankoraŭ unu redakcion, tiun de la plej granda loka gazeto, ***Viru Prospekt***, kun eldonkvanto de 5.500 ekzempleroj. La gazeto antaŭe nomiĝis *Krengolmskij Prospekt* kaj estis la gazeto de la teksaĵ-fabriko *Kreenholm*. Kiam la sveda entrepreno *Borås Wäfveri* aĉetis la fabrikon, la gazeto estis vendita, kaj sukcese sendependiĝis.
La redaktoro *Tatjana Zavjalova*, same kiel *Galina Ŝustrova*, bone komprenas la lingvan politikon de la estona registaro, kaj opinias tre grave, ke la junuloj bone lernu la estonan. Tial ŝi ankaŭ subtenas la strebadon estonigi la instruadon en la lernejo. La ĉefa problemo laŭ ŝi estas, ke estonlingvaj instruistoj ne emas veni labori en *Narva*. Kiam mi petas ŝin nomi gravajn lokajn demandojn, pri kiuj la gazeto multe skribis dum la lastaj jaroj, ŝi tute ne mencias la lingvan situacion. Anstataŭe ŝi parolas pri la planoj konstrui novan domon por la loka filio de la Tartua universitato en *Narva*, kaj pri la Bronza soldato, la soveta milita monumento en Talino.
- Jes, ĝi ne estas loka, sed ni ja havas niajn lokajn monumentojn ankaŭ en *Narva*. Kaj eĉ estis proponoj, ke oni starigu monumenton al Petro la Granda en *Narva*, la prezidanto de la urba konsilantaro eĉ diras, ke iu en Moskvo pretas donaci tian statuon al la urbo. Aliaj diras, ke Petro la Granda nenion bonan faris por *Narva*, nur konkeris ĝin.

## LA ŜTATO SUBTENAS BIBLIOTEKOJN

Post la tria redakcio ni decidas viziti ankaŭ la urban bibliotekon. Sciante nur la rusan ne eblus eĉ trovi ĝin, ĉar la montrilo sur la ĉefa strato diras nur "*Keskraamatukogu*", "Centra biblioteko" en la estona. Same estas skribite super la pordo. Sed la ŝildo estas nur simbola - interne la plej granda parto de la libroj ja estas en la rusa. La biblioteko estas tre agrabla kaj ŝajnas bone provizita. Bibliotekisto kun kiu mi parolas diras, ke la ĉefa merito apartenas al la unua kulturministro de sendependa Estonio.
- Oni tuj post la sendependiĝo faris bibliotekan leĝon, laŭ kiu la ŝtato devas doni certan kvanton da mono por aĉeto de libroj en bibliotekoj, depende de la kvanto de loĝantoj en la municipo. Tio estas multe pli bona ol en la aliaj baltaj landoj, kie bibliotekoj estas pure municipa afero, kaj la municipoj daŭre volas ŝpari monon.
*Narva* krome havis apartan bonŝancon, ĉar en la lastaj jaroj de Sovetio, en 1987, estis konstruita tute nova biblioteko, speciale projektita ĝuste por tiu celo.
- Nun jam pasis dudek jaroj, iujn aferojn oni farus alimaniere se oni nun planus la domon, kaj ĝi ja jam bezonus riparon, sed tamen ni ĝojas ke oni ĝin konstruis.



## LA PLEJ BONA GAZETO DE ESTONIO

Merkrede matene ni ekveturis buse al Talino, kie ni turismumis posttagmeze, kaj ankaŭ vizitis la Bronzan

soldaton, antaŭ kiu estis grandega kvanto da floroj, kaj grupoj da ruslingvaj homoj, kiuj fotadis la monumenton, la florojn kaj unu la alian. Sed pri la Bronza soldato pli en aparta teksto.

En ĵaŭdo, ankoraŭ antaŭ la forveturo, ni vizitis la redakcion de ***Postimees***, kiu laŭ mi estas la plej bona kaj profesieca gazeto de Estonio. Ĝi estas aparte interesa, ĉar ĝi antaŭ unu jaro fondis ruslingvan eldonon, kiu en mallonga tempo iĝis la plej populara ruslingva gazeto de la lando.

- Tio estas, ĉar ĝi simple estas la plej bona ruslingva gazeto en Estonio, diras la ĉefo de la ruslingva eldono, *Viktorija Korpan*, sen falsa modesteco.

El mia vidpunkto de okcidenta ĵurnalisto mi pretas konsenti - la ruslingva *Postimees* estas inter la plej profesiecaj ruslingvaj gazetoj kiujn mi vidis, kaj nepre la plej bonkvalita en sia klaso, kun eldonkvanto de nur 20.000 ekzempleroj. Certe helpas, ke tre granda parto de la materialo estas simple tradukata el la pli granda estonlingva versio. En la redakcio estas kvin tradukistoj kaj nur tri propraj raportistoj.



La redakcio de *Postimees* estas ĝenerale tre plaĉa loko, ĉar oni tie tre pragmate sintenas al la lingva demando: oni volas havi laŭeble multajn legantojn, kaj ne gravas ĉu ili estu ruslingvanoj aŭ estonlingvanoj. Ankaŭ la retejo de la gazeto estas dulingva, eĉ se la estonlingva sekcio estas iom pli ofte ĝisdatigata.

Komparo de la estonlingva kaj ruslingva eldonoj de *Postimees* montras, ke preskaŭ ĉiam la ĉefaj novaĵoj estas la samaj, la enhavo de la artikoloj estas la sama, sed foje la titolo povas havi iom alian nuancon en la du lingvoj. *Viktorija Korpan* rakontas, ke nur unu fojon ŝi malakceptis materialon el la estona eldono kaj decidis ne publikigi ĝin en la rusa. Temis pri karikaturo, en kiu la Bronza soldato estis montrata kun futbala pilko sub la brako, anstataŭ kasko.

- Tio povus sen neceso kolerigi niajn legantojn. Humuron oni komprenas tre diversmaniere.

Kiam mi demandas al *Viktorija Korpan*, ĉu *Postimees* do malsame raportas pri la okazaĵoj ĉirkaŭ la Bronza soldato en la du lingvoj, ŝi diras ion, kion mi neniam antaŭe aŭdis de ruslingva ĵurnalisto en eksa Sovetio:

- Ne, novaĵoj estas novaĵoj.

Ankaŭ ŝin tamen influis la fortaj emocioj ĉirkaŭ la sovetia monumento, ŝi konfesas. - Mi neniam pensas en kategorioj kiel “ni” kaj “ili”, kiam temas pri miaj estonlingvaj kolegoj ĉi tie en la redakcio, mi estas bone adaptita al la estona socio kaj eĉ laboris en estonlingva redakcio antaŭ ol mi venis ĉi tien, kvankam mi estas ruso. Sed kiam oni lastatempe intervjuis min en la radio pri la Bronza soldato mi rimarkis, ke mi neintence diris “ni”, kiam mi parolis pri la diversaj popolgrupoj. Tio ne estis bona sento.

Post la forporto de la Bronza soldato kaj la postaj okazaĵoj en la stratoj de Talino iĝis eĉ pli evidente, ke ne ĉiam estas facile plaĉi al du malsamaj legantaroj samtempe. En la sabata, estonlingva eldono de *Postimees* aperis akra komentario kun la titolo *Tundmatu vene pätt* (Nekonata rusa huligano), kiu komparis la rabantajn rusajn junulojn kun la rusaj soldatoj dum la dua mondmilito. La artikolo ne aperis en la rusa versio de *Postimees* (la rusa versio neniam aperas sabate), sed rusan tradukon aperigis la rusia retejo *InoSMI*.

En la lunda eldono de *Postimees* aperis pli pripensema komentario de *Viktorija Korpan* kaj en la rusa, kaj en la estona. Ŝi komparis la okazaĵojn kun la kontraŭstaro de la Estona Popola Fronto kaj la sovetiema “Inter-movado” en la lasta jaro de Sovetio, kaj finis: “oni ne detruu tion, kion ni sukcesis atingi antaŭ dek sep jaroj”. En siaj komentoj rusaj legantoj per tre akraj vortoj akuzis ŝin kaj la gazeton *Postimees* pro falseco, kaj atentigis pri la estonlingva komentario, neniam aperinta en la rusa.

***K.K.***

Fotis: *Kalle Kniivilä*

Notoj de la redaktisto:

[1] Artikolo pri la bronza soldato de *Kalle Kniivilä* aperas nun en Monato.

[2] La Grandan Nordian militon komencis Danio kaj Saksio (reĝejo tiam aliancita kun poloj) en februaro 1700. En julio Karlo la 12-a subtenate de la brita mararmeo invadis Danion kaj devigis Danion al paco. La pactraktato inter Svedio kaj Danio estis subskribita en aŭgusto 1700. Petro la 1-a de Rusio atakis *Narva*-n kaj Estonion, kiuj tiam apartenis al Svedio. La armeo de Petro ĉirkaŭis *Narva*-n, sed en novembro venis la armeo de Karlo kaj ĝi venkis la pli grandan armeon de Petro dum la tiel nomata batalo de *Narva*, la 30-an de novembro 1700.

[3] Laŭ la estona "Leĝo pri la lingvo", la sola oficiala lingvo en Estonio estas la estona, kaj nur ĝi povas oficiale esti uzata en administrado, ankaŭ en regionoj, kie la majoritata lingvo estas alia. Laŭ la leĝo ĉiuj publikaj ŝildoj devas esti en la estona. Oni rajtas aldoni tradukon en alia lingvo, sed la alilingva parto de la ŝildo ne rajtas esti pli granda aŭ alimaniere pli videbla ol la estona.

Alain Favre

# AINOJ, LA INDIĜENOJ DE JAPANIO

En norda Japanio, tio estas en la insulo Hokajdo, vivas inter dudek kvin kaj kvindek mil ainoj, plej videble en apartaj vilaĝoj, kvazaŭ rezervejoj, kie ili interalie fabrikas objektojn por la turistoj. En la malmultaj lokoj, kie oni konsideras ilin "purdevenaj" (tre relativa nocio ene de la homaro), la antropologoj foje pli multas ol la vilaĝanoj mem. Delonge la ainoj ja tre interesas la fakulojn. Sufiĉe malsamaj de la aliaj loĝantoj de Japanio kaj pli ĝenerale orientazianoj, ili havas tre apartan lingvon kaj kulturon. Eble plu troviĝas ainoj ankaŭ en Ruslando, pli precize en Saĥaleno kaj Kuriloj – kie multaj loknomoj estas en la aina – eĉ en la suda pinto de Kamĉatko, sed pri tio ege malfacilas trovi datenojn. Fine de la lasta mondmilito, kiam la sudo de Saĥaleno (*Karafuto*) kaj Kuriloj refariĝis ruslandaj, multaj ainoj iris loĝi en Japanio; aldone iliaj sametnanoj en Kamĉatko estis almenaŭ parte ekstermitaj de la *Stalin*-a reĝimo.

## (EBLE) LA UNUA BRANĈO NORD-ORIENTEN – KAJ AMERIKEN

Sufiĉe multas la teorioj pri la deveno de la ainoj. Iuj pensis pri "perditaj" hind-eŭropanoj – kio malfacile kredeblas, sed lastatempe trovis novajn subtenantojn - iuj parolas pri "proto-kaŭkazianoj", aliaj pri "proto-azianoj", dum eble ne malpli verŝajnas komuna deveno kun la aŭstralianoj, tiom pli, ke oni plu trovas "aŭstraloidojn" en pluraj lokoj de suda Azio. Pli interese iuj opinias, ke la prauloj de la ainoj foriris inter la unuaj de la komuna parto de la ekster-afrika homaro por migri orienten kaj nord-orienten pli malpli laŭ la azia marbordo. Oni nun preskaŭ certas, post ekzameno de skeletoj, ke la plej malnovaj loĝantoj de Ameriko apartenis al la aina tipo. Kaj la tiel nomata "aŭstraloida" aspekto de tre malnovaj restaĵoj trovitaj en Patagonio estus fakte "ainoida". Entute tiu teorio pli bone klarigus kaj la apartecon de la ainoj kaj ilian samnivelan similecon kun homoj de la aliaj branĉoj – okcidenta, orientazia kaj aŭstralia – kiuj formiĝis ie en suda Azio. Veras aldone, ke en Hindio kaj inter la eŭropaj ciganoj troviĝas homoj ege similaj al ainoj, eble pro rekta komuna deveno, pro origino el regiono, kie delonge kunvivas kaj interplektiĝas la tri branĉoj, aŭ eble pro simpla hazardo.

Kompreneble studo de la lingvo alportas nenion pri la kono de la deveno de tia etno – lingvo emas profunde ŝanĝiĝi dum la jarmiloj, ĉefe se ne skribita – kaj fakte en la sama regiono la japana kaj la korea restas same misterdevenaj. Oni facile povas trovi komunaĵojn




inter la aina kaj japana, sed tio ŝuldiĝas al delongaj kontaktoj; la samo verŝajne validas por iuj genetikaj similecoj, kiujn oni malkovris inter multaj loĝantoj de la insularo, ainaj kaj ne.



## LONGA KAJ KONFLIKTA KUNVIVADO KUN JAPANOJ

Oni povus kredi – kiel ankoraŭ nun multaj japanoj – ke dum la pratempoj en la preskaŭ tuta insularo vivis hirtaj sovaĝuloj, precize la aino-prauloj, ĝis alvenis de la kontinento pli civilizitaj homoj, kiuj jam konis agrikulturon kaj aliajn mirindajn eltrovaĵojn de la neolitika periodo. La realo estas tute alia: ŝajnas nun, ke la unua "civiliza" periodo de Japanio, la fama *Jomon*-kulturo, kun sia tre fajna, ŝnurornamita potfarado kaj bone konstruitaj terkulturistaj vilaĝoj (la plej malnovaj restaĵoj ŝajne datiĝas de pli ol 11 mil jaroj antaŭ Kristo, povus do temi pri la unuaj "neolitikuloj" en la tuta mondo), ŝuldiĝis al ainoj, kaj ne al pli klasikaj "pra-japanoj". Tiu kulturo ekzistis ĝis la tria jarcento antaŭ Kristo, kaj estis anstataŭita de alia, kiam la prauloj de la nunaj japanoj, la tiel nomataj *Wajin*, fariĝis pli multaj kaj ekstermis la ainojn aŭ forpuŝis ilin norden. En la nordaj insuloj, ĉefe Hokajdo, la vivkondiĉoj estas malsamaj, la klimato entute ege pli malmilda, la tertremoj kaj cunamoj ankoraŭ pli oftaj. Tie la kultivado estis tre limigita, anstataŭ la supozataj "fekundigaj" dioj de la *Jomon*-periodo oni kultis ĉasajn kaj bestajn spiritojn, interalie la urson.

Tamen en tiuj nordaj insuloj, ankoraŭ ne japanaj nek rusaj, la ainoj vivis, ĉasis kaj fiŝkaptis dum jarcentoj sen grandaj perturboj. Ili konstruis vilaĝojn (*kotan*) apud maro kaj riveraj elfluejoj. Vojaĝoj inter la insuloj okazis, eĉ al la kontinento. La rilatoj estis aparte intensaj kun la nivĥoj, kiuj loĝis – kaj plu loĝas – en Saĥaleno kaj, sur la kontinento, ĉirkaŭ la Amur-elfluejo. La fakto, ke la nivĥoj, kvankam de orientazia tipo, estas ĝenerale pli harozaj ol la aliaj orient-siberianoj, povus esti pruvo pri tiuj longaj kontaktoj kun la ainoj – kiuj ja estas inter la plej harozaj homgrupoj.

Estas multaj komunaĵoj inter la ainoj kaj la paleo-siberiaj popoloj, kiel ekzemple la religia vivo de ŝamanisma tipo; tamen la ainaj kredoj ankaŭ tre parencas kun ŝintoismo – mem ne tiom malsimila al la siberiaj kultoj. Estas malfacile diri, kiel funkciis la influoj. Kvankam *ainu* signifas tutsimple "homo", la ainoj neniam vivis izolite, ili interŝanĝis varojn – ili tre lertis en fabrikado de teksaĵoj kaj lignaĵoj – kaj ideojn kun la apudaj popoloj, eble konsistigante iaspecan ligon inter la japana kaj la orient-siberia areoj.

Havenoj ne longe ekzistas por la indiĝenaj popoloj: la malnovaj invadantoj realproksimiĝis, la luktoj restartis. Vizitata de japanoj ekde la sepa jarcento de la kristana erao, la granda insulo Hokajdo – *Ainu Mosir* por la ainoj, longe nomita *Ezo* en la japana - kvankam ne ŝatata pro sia malvarma klimato, estis pli kaj pli loĝata de suduloj, plejofte homoj, kiuj fuĝis post krimoj aŭ sociaj problemoj, kaj ankaŭ de komercistoj, kiuj komence bone rilatis kun la ainoj.



Poste grandaj feŭduloj, subtenataj de ŝogunoj, establiĝis kaj provis forigi aŭ sklavigi la *Emishi* (barbaroj) kaj konfiski iliajn terojn. Ribeloj daŭre okazis ekde la dektria jarcento, kun almenaŭ du tre famaj bataloj (*Koshamain*, 1457 kaj *Shiyakushiyain*, 1669), ambaŭ perditaj de la ainoj. Pli bone planita politiko de koloniado kaj asimilado okazis komence de la deksepa jarcento, pli kaj pli da teroj estis atribuitaj al japanaj familioj. Laŭlonge de la dekoka kaj komence de la deknaŭa jarcentoj, rusaj minacoj instigis al ankoraŭ pli forta japana ĉeesto en Hokajdo. Pli norde, dum Kuriloj almenaŭ parte restis sub japana regado, la longa insulo Saĥaleno estis aneksita de la rusoj, kaj multaj el la lokaj ainoj konvertiĝis al la ortodoksa formo de la kristana religio, kio iomete ilin protektis. Siaflanke, en 1853, la japana registaro

proklamis propran suverenecon super la ainaj teritorioj.

## MODERNA EPOKO KAJ SISTEMA ASIMILADO

En 1868 komenciĝis en Japanio la *Meiji*-erao, kiu signis la finon de longega feŭdisma epoko kaj entute grandan kaj abruptan modernigon de la lando. Industrioj aperis, urboj disvolviĝis, eĉ en la norda insulo Hokajdo. Tien oni tuj decidis sendi grandan nombron da koloniantoj, senposedigante la ainojn kaj donacante terojn al novalvenantoj. Verdire ĝis tiam la enmigrado estis limigita ne nur pro la malagrabla klimato de la norda insulo, sed ankaŭ pro la fakto, ke alvenis preskaŭ nur homoj ligitaj al klanoj, kiuj havis komercajn monopolojn. Rapide la ainoj fariĝis malpli nombraj ol la lokaj japanoj, pro manko de tero kaj trompaj promesoj ili grandparte forlasis la kultivadon kaj laboris preskaŭ sklave ĉefe en fiŝuzinoj. En 1899 leĝo, kiu oficiale celis protekti la "eks-indiĝenojn", atribuis al 3 850 ainaj familioj 91 km² da kultiveblaj teroj; kun pretendoj eltiri la ainojn el ilia mizera stato, tiu leĝo fakte celis ilin plene japanigi; konsekvence ili fakte ne plu rajtis publike paroli sian lingvon nek konservi sian religion; ili devis vestiĝi kiel siaj samŝtatanoj, malofte virinoj plu montris la tradiciajn lipharecajn tatuojn, viroj devis tondi siajn hirtajn harojn kaj uzi razilojn. Eĉ la personaj nomoj fariĝis japanecaj. La infanoj frekventis lernejojn, en kiuj oni bone komprenigis al ili, ke ne eblas esti nejapano en Hokajdo. Tio kompreneble kondukis al forta asimilado, ĝis la punkto, ke multaj ainaj gepatroj provis kaŝi sian devenon al la idoj mem, por ke tiuj ĉi povu havi normalan, sendiskriminacian vivon. Tiuj, kiuj plu vivis en siaj vilaĝoj, en la nombro de malpli ol 20 mil homoj (unu jarcenton antaŭe ili estis tutcerte plurcent mil) mizere kultivis siajn ĝardenojn, perdante siajn tradiciojn kaj havante malfacilaĵojn eĉ por fiŝkapti kaj trovi lignon. Kun tiuj homoj jam delonge kungrupiĝis japanoj malriĉaj, tiel la aina etno fariĝis kvazaŭ socie suba tavolo de miksita deveno.

Oni ne forgesu, ke en tiu periodo Japanio fulmrapide iĝis unu el la plej potencaj landoj de la mondo. Post la milito gajnita kontraŭ Rusio, komence de la dudeka jarcento, *Karafuto* (la suda parto de Saĥaleno) estis aneksita de Japanio, kies suvereneco super la longa ĉeno de Kuriloj estis plene agnoskita – tiel preskaŭ ĉiuj ainoj troviĝis sub japana regado. Sed la ekspansio tute ne limiĝis je tiu malvarmaj teroj: Manĉurio, Koreio, Tajvano kaj aliaj insuloj, interalie en Pacifiko, iĝis poste ĉu protektoratoj, ĉu rektaj posedaĵoj. La samo okazis por iuj ĉinaj havenoj kaj provincoj. En tiu faŝisme estrata imperio, japaneco estis glorigita, ne-japanoj iĝis eĉ ne duarangaj individuoj, facile suspektitaj pri perfidemo kaj ribelemo. Entute ne estis loko por iuj ajn naciaj aŭ etnaj postuloj.




Poŝtkarto: “Strangaj kutimaj de la ainoj, Hokajdo”.

## FINFINE IOM DA REVIVIĜO

Oni bone scias, kiom terure finiĝis tiu aventuro. En 1945 Japanio estis reduktita al siaj teritorioj de la komenco de *Meiji*-epoko, interalie redonante al Rusio la sudon de Saĥaleno kaj Kurilojn, kies ne-rusaj loĝantoj, japanetnaj kaj ne, amase devis foriri. Japanoj entute ŝanĝis sintenon, perdis senton de nacia supereco, tamen multaj el ili miris kiam, komence de la sesdekaj jaroj, la forgesitaj nordaj sovaĝulidoj denove manifestis sian ekziston kaj eĉ postulis rajtojn pere de unua asocio kiu, kvankam atingante nenion konkretan, almenaŭ konsciigis ainojn pri ilia etna aparteco. Dum la postaj jardekoj, sekve al daŭraj kontaktoj kun aliaj indiĝenaj popoloj, la ainoj ekbatalis por repreni siajn terojn kaj malhelpi la realigon de grandaj projektoj – kiel baraĵoj. Laŭlonge de la 1970-aj jaroj kreiĝis eĉ revoluciemaj grupoj, tre ligitaj al ekologiistoj kaj ekstremmaldekstruloj, kiuj ne malofte estis implikitaj en atencoj kontraŭ simboloj de la japana potenco kaj de la aina submetiĝo. Pri terposedaj problemoj post longaj apelacioj la ŝtata kortumo finfine deklaris en 1997, ke la konfiskoj estis leĝe senbazaj, decido, kiu restis ĝis nun sen multaj grandaj konsekvencoj -

tamen jam antaŭ tiu principe grava juĝo ekestis kelkaj lokaj realproprigoj.
En 1994 okazis la unua (kaj ĝis nun sola) elekto de aino en la japana parlamento (vidu en ***Etnismo*** n°79); tiu deputito estis la brila historiisto, verkisto kaj aktivulo *Shigeru Kayano*, kiu tuj eklaboris, sen granda subteno flanke de siaj socialistaj kolegoj, pri la rajtoj de la aina etno. En 1997 li sukcesis voĉdonigi "leĝon por la promocio de la aina kulturo kaj por la dissemado kaj subteno de la ainaj tradicioj kaj kulturo", jam delonge pretigitan de pluraj asocioj surbaze de la projekto de *Giichi Nomura*. Tiu leĝo, kiu fine senvalidigis tiun de 1899 (!), ebligas kreadon de strukturoj, organizadon de projektoj kaj spektakloj kaj publikan diskonigadon de tradicioj. Oni trovas nenion pri rajto je tero, kaj la antaŭvidita instruado de la lingvo kaj kulturo en lernejoj malmulte efiktiviĝis, pro manko da trejnitaj instruistoj kaj skrib-problemoj. Ekde tiam tamen multo fariĝis, oni kreis muzeojn, starigis monumentojn, organizis kongresojn, spektaklojn kaj festojn, oni nun povas legi gazeton en la aina (*Ainu Times*, skribita en adaptita formo de la *katakana* silaba alfabeto) kaj aŭskulti *FM Pipaushi* ("konkejo)", kiu ofte elsendas komponaĵojn de la internacie konata rokfolka muzikisto *Kano Oki*.


*Shigeru Kayano*

Danke al la iniciatoj de pluraj asocioj, la lingvo iom reviviĝas post preskaŭa malapero: ŝajnas, ke en 1996 nur 15 homoj plu parolis ĝin, inter kiuj la fama deputito, kiu ne hezitis provoke uzi ĝin en la parlamento.
Feliĉe beletraĵoj ekzistas, kaj la riĉega tradicio eposa, buŝe transdonita dum jarcentoj, fine skribe fiksiĝis interalie danke al instruistino, kiu sukcesis transskribi pli ol 30 000 paĝojn.
Ĉu tio montras veran reviviĝon de la aina identeco? Kompreneble ne. Multo restas farenda, interalie la historia kaj natura parko *Iwor*, antaŭvidita en 1997 samtempe kun la voĉdono de la kultura leĝo, sed ĝis nun ne efektivigita.
Kaj tre ofte la aina kulturo ŝajnas nur muzea kaj folklora, sed tion oni ne tro kritiku, la gastemo kaj festemo de la ainoj, iliaj belegaj teksaĵoj kaj skulptaĵoj, ankaŭ ilia tre ŝatata kuirarto tutcerte konkeras pli da japanaj koroj ol sekaj prelegoj pri antropologio kaj etnaj rajtoj.
Ĉar diskriminacio plu ekzistas. Ekzemple ankoraŭ ofte okazas, ke oni rifuzas laborpostenon al aino pro persona nomo, konata deveno aŭ fizika aspekto. Ne ĉiuj japanoj estas rasistoj, ainoj havas multajn amikojn kaj subtenantojn en la lando mem sed oni bedaŭrinde devas konstati ke, post periodo da malfermo, galope revenas en la insularon tradiciaj valoroj ne aparte favoraj al ekzisto kaj elmontro de (interalie) etna identeco. En sia lasta intervjuo antaŭ ol morti en 2006, la eks-deputito *Shigeru Kayano* parolis sufiĉe pesimisme, dirante ke liaj parlamentaj jaroj estis vanaj kaj ke la leĝo, kiun li voĉdonigis, restis sen vera pozitiva efiko. Tamen li ne rezignis pri siaj senapelaciaj asertoj: "Ni ne memoras, ke ni vendis aŭ luis *Ainu Mosir* (Hokajdo) al Japanio".
Ĝuste en majo 2007 okazis en *Osaka* internacia simpozio, kies celo estis taksi, dek jarojn post ĝia promulgo, la efikojn de tiu leĝo pri la protekto kaj promocio de la aina kulturo. Ni eble baldaŭ havos okazon paroli pri ties konkludoj.

**AINOJ EN PERSPEKTIVO**
Pioniroj de neolitiko, la ainoj ne atingis metal-prilaboradon nek skribadon. La manko de efikaj armiloj kaj de forte strukturita socio malhelpis ilin sin defendi kontraŭ la invadantoj; la insuloj, kie ili dumlonge rifuĝis, finfine tre logis homojn de du grandaj ŝtatnacioj, la japana kaj la rusa, kies kolonia potencialo disvolviĝis proksimume en la sama epoko



Aina vilaĝo-muzeo de *Poroto-Kotan*, *Shiraoi*, Hokajdo

(ĉirkaŭ la dek-sepa jarcento) kaj kiuj aldone plurfoje akre batalis inter si. Tiel la ainoj nombre regresis, amase asimiliĝis ĝis preskaŭa perdo, komence de la dudeka jarcento, de ĉiuj etnaj karakterizoj. Eble jam

malaperintaj en Rusio – pri tio ni atendas informojn de niaj ruslandaj kunlaborantoj kaj legantoj - ili konsistigas nun eĉ ne unu procenton de la loĝantaro



de la nord-japana insulo Hokajdo. Kvankam ricevinte antaŭnelonge iaspecan statuson, ili ne estis agnoskitaj kiel "indiĝenoj", kio interalie tre limigas la eblecojn pri realproprîĝo de teritorio. Ili aldone vivas en makrosocio kiu, pli ol aliaj, emas sin dekreti "homogena", do malfacile lasas lokon al etnaj postuloj. En tia socio la ainoj nun povus komplete kaj rapide asimiliĝi: ili perfekte konas ties lingvon kaj valorojn, ili ofte ne plu estas unuavide rekoneblaj, malkiel okazis ankoraŭ dum la lastaj jarcentoj. Por kelkaj fakuloj tio ne estus vera perdo: oni bone dokumentis la ainan lingvon kaj kulturon, oni tutcerte rikoltis sufiĉe da DNA kaj aliaj antropologiaj datenoj por fari komparojn kaj konjekti pli precize pri la komplika historio de la priloĝado de orienta Azio kaj pacifika marbordo.

Kompreneble etnisma vidpunkto estas tute alia: la ainoj plene rajtas vivi kiel tiaj, eĉ se malfacilas, eĉ se tio ne plaĉas al la majoritato. Ilia plua ekzisto, same kiel tiu de la "aborigenoj" de *Okinawa* kaj de aliaj grupoj, interalie tre helpas al diversigo kaj riĉigo de la nun tre moda kaj eksportita japana kulturo (ni ne forgesu, ke la multegaj ainaj eposoj, rakontoj kaj kantoj estas granda bazo de inspiro por aŭtoroj de bildstrioj kaj filmoj, eĉ se ili malofte tion agnoskas). Sed en tiu kazo estas io plia: se oni povas bedaŭri, ke en la nunaj ainoj troviĝas tro da japaneco, oni ne devas forgesi, ke ankaŭ en japanoj estas tutcerte ne malmulte da aineco; entute la du etnoj estas pli malpli komplementaj. Kiom ajn "sofisma" povas aspekti tia aserto, notindas, ke ĝi tamen ne tro malkongruas kun la orientazia tradicio filozofia. ***A.F.***



Fotoj el :
<http://tinou81.wordpress.com/2004/05/07/hokkaidole-villagemusee-des-ainous-de-porotokotan/>
<http://www.ainu-museum.or.jp>



# PREĜO AL LA FAJRO KAJ NATURO

**farita de *Kohana Fukushima*, aina virino**
***Shizunai*, 1893-1982**
(traduko el la aina teksto, kies originalan version ni bedaŭrinde ne disponas)

Granda Patrino,
Kiu donas al ni nutron
Kaj konservas la Teron,
Granda Patrino de la Fajro,
Desupru inter nin,
Tien ĉi en *Ainu Mosir*,
Nia mondo de la homoj,
El la ĉieloj loĝataj
De ĉiuj spiritoj de la Naturo.
Nun mi adoras vin
Respektoplena,
Al vi mi donacas la favorigan vinon,
Por ke rapide
Vin atingu mia mesaĝo.
Ĉio estis kreita
Pere de la Spiritoj:
La universo *Ainu Mosir*,
Tiu ĉi mondo,
En kiu ĉiuj estuloj
Disvolviĝas
Kaj povas nutri la idojn per manĝo,
Kiu abunde kreskas.
Mi dankas vin
Pro tiu natura beno.
La ainoj kreskis
Belaj kaj fortikaj en *Ainu Mosir*,
La aina tero,
Kiu en la antikvaj tempoj
Naskis *Ainu Nishpa*,
La nevenkeblan homon provizitan per saĝo,
Kaj naskis *Ainu Kathemat*,
La mult-talentan virinon,
Kiu donacas sian belon.
Sed de multaj jaroj,
De la alia flanko de la maro,
Fremduloj neniam viditaj antaŭe
Elŝipiĝis sur nia tero
Elŝipiĝis el multaj ŝipoj
Sur la tero de la ainoj.
Ili subpremis nin per leĝo
De perforto kaj suferigis nin.
Nia mondo, kie ĉiu estulo kreskis bele kaj harmonie,
Nia mondo estis detruita.
Tio, kion profetis la olduloj, okazis:
Ili avertis nin,
Ke la leĝo de la japanoj,
La leĝo de la *Samurai* estas tiom maljusta
Kaj prema, ke ĝi detruos
La pacan vivon de nia popolo.
Vere nun la forto de la japanoj
Estas terura, ilia regado ankoraŭ pli forta.
Multaj ainoj perdis sian dignon,
Ĉefe la junuloj
Tiom fremdiĝis pro la japana eduko,
Ke ili ne plu rekonas la antikvan Padon.
Mi estas virino maljuna,
Mi estas virino sola,
Mi volus krii kaj plori
Pro tiu mizero;
Ĉion, kion instruis al mi la olduloj,
Mi ne forgesas,
Mi volas ĝin konfidi al *Kamui Utari*,
Spirito de la Naturo,
Sola Forto nia kaj sola Realo;
Mi volas konfidi
Nian disperditan popolon.
Spiritoj, kiuj nutras nin,
Granda Patrino, kiu nutras nin,
Patrino de la Fajro,
Kiu estas en *Rikun Mosir*,
La mondo de la Ĉieloj,
Ĉiuj Spiritoj de la Naturo,
Kiuj rigardas nin,
Protektu nin!
Protektu *Ainu Mosir*,
La teron de la homo,
Kie vivas ni ainoj;
Protektu la sanan kreskon
De niaj idaroj,
Donu al ili estonton!
Konservu inter ni
La antikvajn trezorojn de saĝo,
La memoron de la antikva libero
De la aina popolo.
Ke nia gento longe vivu!
Ĉiuj Spiritoj de la Naturo,
Montru al mi, ke vi akceptis tiun preĝon,
*Kamui Utari*!

*Xabier Rico Iturriotz*

# GERNIKA 70 JAROJN POSTE

***Ni memoras tiun ĉi jaron la 70-jariĝon de la detruo de la eŭska urbo Gernika fare de la germanaj kaj italaj aviadiloj. Longe kontestita, kaj plu kontestata se oni legas kelkajn surretajn diskutojn, tiu krimo estas plurflanka simbolo. Unue ĉar la urbo mem estas simbolo de libereco kaj demokrateco por la eŭska popolo, kaj due ĉar pro la ĉeesto de la brita ĵurnalisto Georges Steer, la okcidenta gazetaro, transprenante la novaĵon el Times, internacie laŭtigis la teruran eventon, kio instigis la pentriston Picasso krei sian faman pentraĵon, simbolon de sopiro al paco.***



Suna tago estis la 26-a de aprilo 1937 en *Gernika*, kaj kiel ĉiu lundo foira tago. Multaj kamparanoj de la apudaj vilaĝoj venis vendi siajn varojn. Ankaŭ rifuĝintoj el la ĉirkaŭaĵo loĝis en la urbeto.
Mi legas en ĵus aperinta revuo ke "neniel oni povis antaŭvidi ke la germanaj aviadiloj de la *Legio Condor* detruos la biskajan urbon laŭ ordonoj de *Franco*". Malfacilege oni povis imagi tion, ĉar ĝis tiam nenie en la mondo okazis tiel granda aviadila bombado kontraŭ civiluloj, sed konsiderante ke jam de unu monato la eŭskaj batalionoj bone eltenadis la furiozajn atakojn de la frankista armeo, helpata de eksterlandaj trupoj, oni pli facile komprenas la motivon de la faŝistoj.
Komence de la milito, en julio 1936, du eŭskaj provincoj - *Gipuzkoa* kaj *Bizkaia* - kaj du nordhispanaj - *Santander* kaj *Asturias* - estis ĉirkaŭitaj de teritorioj sub kontrolo de la frankistoj. Post fiasko en la konkero de Madrido, marte 1937, la frankistoj pretigis ofensivon kontraŭ Biskajo sed la eŭskaj trupoj bone rezistis. Pro tio, laŭ ordono subskribita de la ĉefa frankista generalo *Emilio Mola*, la frankistoj ĵetis el aviadiloj dulingvajn flugfoliojn - hispane kaj eŭske - kun la jena teksto: "Submetiĝu, se ne mi detruos Biskajon".

Samtempe la germana aer-armeo, kiu subtenadis la terajn trupojn hispanajn kaj italajn, en tiu atako trovis bonan okazon eksperimenti sian teruran bombad-kapablon. Preskaŭ unu monaton antaŭe jam okazis aer-bombado kontraŭ alia biskaja urbeto: *Durango*, kie dekoj da homoj mortis. Sed por *Gernika* oni preparis punon pli longan kaj pli kruelan.
Je la 16h 30 unua aviadilo aperis en la ĉielo. Laŭ atesto de tiamaj supervivantaj infanoj ilia unua reago estis: "Ho, vidu, ĝi ĵetas flugfoliojn". Nur kelkajn sekundojn poste ili devis modifi sian antaŭan impreson. Dum tri horoj kaj duono kvar italaj aviadiloj unue, kaj dudek germanaj poste ĵetadis entute 30.000 kilogramojn da eksplodaĵoj.
La eŭska armeo ne posedis aviadilojn, kaj vanaj estis la petoj faritaj kelkajn tagojn antaŭe al la hispan-respublika registaro, ĉar ĝi mem ne posedis multajn aviadilojn kaj opiniis, ke ili estas pli bezonataj je aliaj



batal-frontoj. Tial la ebleco sin defendi flanke de la eŭskoj estis nula. La homoj kiuj fuĝis al la montaro estis mitrajlitaj de la ĉas-avioj. Oni taksas la nombron de la mortintoj je 400, sed kelkaj historiistoj ĝin malpliigas ĝis 250.
Mirakle la kverko - ido de tiuj kverkoj cirkaŭ kiuj kuniĝis la estroj de Biskajo, ekde foraj tempoj perditaj en la homa memoro, - kaj la Provinca Parlamento restis sendifektaj.


WIRELESS ROUTES
Circuit | Clerk's Name | Time Received
4439
ORD 139 BILBAOPRESIDENCIA 226 28 2015 ETAT
= EUZKADI LONDON =
DECLARACIONES DEL PRESIDENTE DEL GOBIERNO DE EUZKADI
ANTE LA INAUDITA DESAPRENSION DE LOS ELEMENTOS
REBELDES AFIRMANDO QUE SOMOS NOSOTROS QUIENES
INCENDIAMOS NUESTROS PUEBLOS ELEVO ANTE EL MUNDO
MI VOZ DE PROTESTA LA MAS ENERGICA Y ENCENDIDA
APELANDO AL TESTIMONIO DE LOS NUMEROSOS PERIODISTAS
NO ENQUIRY RESPECTING THIS TELEGRAM CAN BE ATTENDED TO WITHOUT PRODUCTION OF THIS COPY
REPLIES SHOULD BE HANDED IN AT ONE OF THE COMPANY'S OFFICES

**Protesta telegramo al la mondo fare de la tiama eŭska prezidanto *José Antonio Aguirre***

Ĉar multaj eksplodaĵoj estis brul-bomboj, *Gernika* longtempe brulis. Nokte la spektaklo estis vere danteska.
Al tiu krimego aldoniĝis poste la mensogoj de la faŝistaj amaskomunikiloj. Laŭ ili, "*Gernika* estis bruligita de la ruĝ-separatistoj". La frankistoj nomis la tutan eŭskan armeon "ruĝseparatistoj", malgraŭ ke ĝin formis multaj moderaj katolikoj, eŭskaj naciistoj, kaj malgrandaj grupoj de respublikanoj, anarkiistoj, socialistoj kaj komunistoj.

## SEPDEK JAROJ PASIS, ONI MEMORAS

Kutime en Eŭskio oni ne multe parolas pri tiu tragika evento. Al ĝi oni kompreneble pli longe revenas kiam la datrevenoj estas "rondaj", kiel tiu ĉi 70-jariĝo kaj iom malpli dum la "ne rondaj" jarciferoj. La 26-an de aprilo la eŭska registaro kaj la lokaj asocioj organizis solenaĵon en *Gernika* kaj samtempe okazis multaj agadoj inter kiuj oni povas elstarigi la subskribon de la "Manifesto por la Paco" fare de la internacia asocio "Urbestroj por la Paco", estrata de la urbestro de Hiroŝimo, *Tadatoshi Akiba*, kaj vesperan kandelan manifestacion.
Samtage en *Gernika* kaj en la eŭska televido oni unuafoje prezentis la dokumentan filmon "*Gernika*, la bombado". Duflankajn sentojn mi spertis dum tiu spektado. La filmo donis interesajn klarigojn, kaj atestojn de supervivantoj. Sed same kiel la hispana historiisto *Jesús Salas Larrazabal* ĝi asertis ke "la celo de la bombado estis detrui ponton centre de la urbo por malhelpi la pason de la eŭskaj kaj respublikanaj batalionoj. Tamen post la unuaj bomboj la kvanto de fumo kaj pluvo estis tiel granda ke oni maltrafis la celon". Veras ke la ordono detrui la ponton aperas en dokumentoj de la tiama itala armeo, sed la intencoj de la germanoj kaj de la frankistoj certe estis aliaj: Kial ili ĵetis milojn da kilogramoj da (brul)bomboj kaj mitrajlis fuĝantajn homojn nur por detrui unu ponton?
Pli interesa devas esti la dokumenta filmo "*Guernica*" de la germana reĝisoro *Hanno Brühl* (kunproduktita de Hispanio, Germanio kaj Britio en 2007) elsendita kelkajn tagojn antaŭe en la franc-germana kanalo ARTE. Mi ne povis spekti ĝin, sed laŭ artikolo en la eŭska ĵurnalo *Berria,* en ĝi aperas bildoj filmitaj de la aviadiloj kiuj bombis Gernikon. En la filmo oni klare mencias la Traktaton de Ne interveno en la milito, subskribitan de 27 landoj. Malgraŭ tiu traktato, Francio kaj Britio iel garantiis senpunecon al tiuj kiuj ordonis kaj al tiuj kiuj efektivigis la bombadon.



**La sakrala kverko antaŭ la parlamentejo de *Gernika***

Kiel mi supre diris oni ne tro priparolas tiun dramon en Eŭskio. Tamen konscie aŭ subkonscie la tragedio de *Gernika* restas grava por eŭskoj, ĉar preskaŭ kvardek jaroj da frankista diktaturo (1937-1975) sekvis tiun masakron en Sudeŭskio, dum kiu ne eblis mencii la masakron. Krome en Hispanio eĉ dum la

transiro al demokratio kaŝa fantomo plu trudis la ideon "ne timigi la faŝistojn", kaj ĉiuj tiaj krimoj kaj krimuloj estis amnestiitaj.

## POST SILENTIGO, EKPAROLO

Ekde 10 jaroj tamen oni komencis sisteme esplori pri la evento, kaj tio ebligis retrovi atestantojn kaj dokumentojn ĝis nun ne konatajn, kiel filmojn faritajn de la pilotoj, kiuj stiris la bombaviadilojn, kaj oni povas konsideri tiun bombadon kiel la unuan grandan militan krimon kontraŭ civiluloj. Sur tiuj novaj faktoj baziĝas la dokumenta filmo de *Hanno Brühl* supre menciita.

## *GEORGE STEER*

Naskita en Sudafriko *George Steer* estis juna ĵurnalisto, 27-jara, dum la hispania intercivitana milito. Li estis milita korespondanto por la londona gazeto *Times*, laŭ propra deklaro simpatianto de la respublika kaj de la eŭska aferoj. Jam li raportis pri alia milito, ĉar li estis sendita en 1935 en Etiopio, la tiama Abisenio, atakita de *Mussolini*.



Ĵurnalisto *Georges Steer*, surloka korespondanto de *Times*

*George Steer* alvenis kelkajn horojn post la bombado kaj samnokte sendis sian raportaĵon pri la martira urbo. La artikolo aperis la morgaŭon en *Times* kaj *New York Times*. Kaj ĝi estis tuj transprenita de multaj gazetoj el diversaj landoj. La ŝoko kaŭzita de tiu artikolo ekigis protestajn manifestaciojn en Londono kaj en Novjorko. Tiu artikolo ankaŭ vekis fortajn konstraŭstarojn de la faŝistoj kun la mensogoj jam menciitaj. *Steer* interalie priskribis la teruran taktikon de la bombaviadiloj: "unue etaj grupoj da aviadiloj ĵetas pezajn bombojn kaj mangrenadojn sur la tutan urbon, elektante sisteme areon post areo. Poste alvenas flugtanĝe ĉasaviadiloj, por mitrali la homojn, kiuj kuras panike el la tranĉeoj tuŝitaj de 1000-funtaj bomboj... La celo de tiu manovro ŝajnis esti denove peli la homojn subteren, ĉar tuj poste ne malpli ol 12 bombaviadiloj alvenis por ĵeti pezajn brulbombojn sur la ruinojn. La ritmo de tiu bombado de aperta urbo estis do logika: unue mangrenadoj kaj pezaj bomboj por panikigi kaj poste mitrajlado por devigi ilin kaŝiĝi subtere, kaj fine pezaj brulbomboj por detrui la domojn kaj bruligi ilin super la kapoj de la viktimoj"[5].

## *PICASSO*

Ŝokita de tiuj anoncoj en la gazetoj *Picasso* ekpentris sian faman verkon la 30-an de aprilo 1937 sub forta emociiĝo kaj en nuraj kelkaj monatoj finis la verkon por ĝin liveri meze de junio al la hispana pavilono de la Universala Ekspozicio en Parizo.

## MUZEO DE LA PACO

En *Gernika* malfermiĝis la 8-an de januaro 2003 Muzeo de la Paco. Unue historia muzeo, fondita en 1998 de la urbestro de *Gernika* ĝi estis renovigita kaj transformita inter 1999 kaj 2002, kaj tiam oni decidis fari de ĝi Muzeon pri la Paco, la unuan en Eŭskio kaj en Hispanio. Fondaĵo sub la protekto de Eŭskio ŝtato, de la Regiona Konsilantaro de Biskajo kaj de la urbestraro de *Gernika,* ĝi estas spaco kreskinta por iĝi vigla kaj alloga, malfermita al repensado de la paco. Ĝia celo estas konservi, ekspozicii kaj samtempe eduki al paco kunlabore kun aliaj similaj organizaĵoj. Ĝi estis premiita de UNESKO.

### KUNLABORO INTER LA NORDO KAJ LA SUDO

La eŭska muzeo de *Bayonne* (Norda Eŭskio) proponas ekspozicion kunlabore kun la eŭska muzeo de Bilbao (Suda Eŭskio): "Gernika, ekde eŭska historio al universala simbolo". La ekspozicio ekiras de la fundamento de la eŭska kulturo, la Gernika arbo, kiu, parto de la eŭska identeco, konkretigas la liberojn kiujn ĝuis la eŭskaj provincoj ĝis la 19-a jarcento: poste ĝi montras la ligon inter tiu historia realo kaj la kreo de Eŭskio en 1936, klarigas la kuntekston de la bombado, la intercivitanan hispanian militon. Murtapiŝo reprezentanta la verkon de *Picasso* estas la ĉefpeco de ĉi tiu ekspozicio, unuafoje montrita en Eŭskio. Tiun murtapiŝon



Muzeo de la Paco, *Gernika*

mendis *Picasso* mem de *René* kaj *Jaqueline Dürrbach*, kaj tial ĝi reprezentas pli ol simplan kopion de la fama verko.

## MEMORA KAJ MORALA REPARACILABORO

En Eŭskio oni devas nun labori por certigi ke la memoro kaj la konscio pri la tragedio estos transdonataj al la venontaj generacioj. En la lernejoj oni pli kaj pli studas la temon kaj deziras, ke la venontaj generacioj ne forgesu la teruraĵojn.




Pripaca salono en la muzeo pri paco

En 1997 la germana prezidento petis pardonon DE la eŭskoj nome de la germana popolo. Jam malfruas por ke la respondeculoj de la krimoj estu juĝataj.
Tamen, kion ni eŭskoj[6] bezonas por ke ni sentu ke okazis ja morala repago? Solena deklaracio de la hispana registaro aŭ parlamento kondamnanta la okazintaĵojn povus esti taŭga. Pli malfacilas la vojo proponita de la eŭska registaro: "ke la hispana registaro petu pardonon de la viktimoj ĉar la krimoj estis faritaj nome de Hispanio". Laŭ la socialistoj regantaj en Hispanio "ne estas tasko de la nuna registaro peti pardonon pro la faŝistaj krimoj".
Post la morto de la diktatoro *Franco*, dum la politika transiro, oni petis ke la pentraĵo *Guernica* - ĝis tiam en Novjorko - estu konstante ekspoziciita en *Gernika*. Tamen la tiama hispana registaro decidis ekspozicii ĝin en Madrido, en la Kultura Centro *Reina Sofia*[7]. Por ke la pentraĵo venu al Eŭskio kaj estu daŭre ekspoziciata en *Gernika* la etoso en Hispanio devus multe ŝanĝiĝi. Lastatempe oni sensukcese petis, ke ĝi estu almenaŭ pruntita por provizora ekspozicio. La sola sukceso estis, ke pentraĵoj kaj skizoj de *Picasso* rilataj al *Gernika* estis montrataj. Vere tute ne kontentiga atingo. Oni vidos estonte ĉu la intenso de tiaj petoj sufiĉos por atingi taŭgan reparacion.
Ni memoru kaj honoru ĉiujn, kiuj mortis en la masakro de *Gernika* kaj ĉiujn kiuj agis laŭ la verso de la poeto kaj komandanto de la tiama eŭska armeo *Esteban Urkiaga "Lauaxeta"*[8]*: Dana emon behar jako maite dan askatasunari* / Ni donu ĉion al la amata libereco.

***X.R.I.***

Notoj:
[1]*Gernika* eŭske, -nuna oficiala nomo-, *Guernica* hispanlingve. Urbo en la provinco Biskajo, eŭske: *Bizkaia*.
[2]*Gipuzkoa* estis konkerita de la faŝistoj en septembro 1936. Ekde tiam ĝis la falo de *Bilbo* (hispane *Bilbao*) - junio 1937 - preskaŭ la tuta teritorio sub la rego de la eŭska registaro estis en Biskajo.
[3]Se oni konsideras tutan Hispanion la garnizonoj de Andaluzio, Galegio, Asturio, Nafaro kaj Malnova Kastilio estis konkeritaj unue. La respublika rezisto plej viglis en Madrido kaj en Barcelono dum Eŭskio estis la norda fronto, kiu rezistis al frankistoj.
[4]Tradicie kaj en Biskajo kaj en aliaj eŭskaj provincoj aŭ distriktoj la estroj kunvenis cirkaŭ arbo taksata sakrala. La arbo de *Gernika* estas tiu pri kiu plej longe daŭris la tradicio. Tamen dum la lastaj jarcentoj oni kunvenas en la apuda konstruaĵo, la supre menciita Provinca Parlamento.
[5]Danke al tio, kelkajn tagojn post la bombado, mia patrino, tiutempe dekdujara knabino, kiu loĝis en *Donostia* - eŭska urbo konkerita de la faŝistoj sep monatojn antaŭe - povis aŭdi virinon kaŝe aserti al mia avino: "*Gernika* ne estis bruligita de la eŭskoj, sed bombita de la germanoj".
[6]Tamen ne ĉiuj eŭskoj bezonas tiun moralan reparacion. Kelkaj, malgraŭ kondamno de la bombado, opinias, ke jam sufiĉas la nunaj atingoj.
[7]Sarkasme *Reina Sofia* estas la nuna hispana reĝino kiu atingis tiun titolon danke al la diktatoro *Franco*.
[8]La tagon post la bombado de *Gernika Lauaxeta* akompanis tien eksterlandan ĵurnaliston. Li estis kaptita de la faŝistaj trupoj kaj mortpafita du monatojn poste.



Ateliero por infanoj

**Tre kompleta animata dokumento pri la bombado:**
http://www.eitb24.com/html/infografias/gernika2/index_es.html
Fotoj el: http://www.museedelapaixguernica.org
kaj el: http://especiales.elcomerciodigital.com/bombardeo-gernika

*Nicole Margot*

# PRI GENOCIDOJ

**Komence de la jaro du aferoj pri genocido okupis la gazetaron: decido de la Internacia Kortumo pri la *Sebrenic*-a murdado en 1995, kaj proceso de turka politikisto, kiu neis la armenan genocidon en Svislando. Samtempe daŭras genocido en la regiono *Darfur* sen ke la internaciaj instancoj kaj ŝtatoj kapablu efike interveni. Tiu aktuala temo aparte gravas por etnistoj, tial mi pensis utile antaŭ ol paroli pri tiuj tri eventoj iom klarigi niajn ideojn pri genocido. En la ttt-ejo de la Asocio Internacia pri Homaj Rajtoj mi trovis bonajn difinojn, kiujn mi reproduktas ĉi-sube.**

## GENOCIDO, NOVA VORTO POR NOVAJ KRIMOJ

La militajn krimojn difinas alfronto inter ŝtatoj. Male la "**krimoj kontraŭ la homaro**" kaj la "**genocidoj**" povas koncerni konfliktojn en la ŝtatoj mem. Por juĝi ilin Internacia Punkortumo devus esti kreita post du aŭ tri jaroj.

**Krimoj kontraŭ la Homaro:** Delegita de la Aliancanoj por juĝi la grandajn naziajn krimulojn, la militista internacia tribunalo de Nurenbergo donis pri tiu krimo la unuan difinon en 1945:

"**Kruelaĵoj kaj deliktoj, entenantaj, sed sen limiĝi al tio, murdon, ekstermon, sklavigon, deportadon kaj ĉiujn aliajn nehomajn agojn faritajn kontraŭ ĉiuj civilaj popoloj, antaŭ aŭ post milito, aŭ persekutojn pro politikaj, rasismaj, aŭ religiaj motivoj, kiam tiuj agoj aŭ persekutoj, entenantaj aŭ ne iun malobeon al la interna juro de la landoj kie ili estis plenumitaj, estis faritaj sekve de ĉiu krimo eniranta la kompetenton de la tribunalo".**

La Konvencio de la Unuiĝintaj Nacioj de 1968 "pri la nepreskriptebleco de la militaj krimoj kaj de la kontraŭhomaraj krimoj" aldonis al tiu difino: "La senposedigon per armea atako aŭ per okupado kaj la nehomajn agojn produktitajn de rasarpatiga politiko, same kiel la genocidan krimon".

**Genocido**. La vorto **-genocido-** estis kreita en 1944 fare de *Raphael Lemkin*, profesoro pri internacia juro de *Yale*, "por difini la militajn praktikojn de la nazia Germanio". Ĝi nomas "la detruon de nacio aŭ de etna grupo". La vorto kombinas la grekan terminon **-genos-** (kiu signifas originon aŭ specon) kaj la latinan sufikson **-cidium (cid-)-** (el -caedere- , frapi, faligi, mortigi).

La termino **-genocido-** nomas ĉiun agon faritan kun la intenco metodike detrui "nacian, etnan, rasan aŭ religian grupon". La ekstermo de judoj fare de la nazioj estas genocido. Oni nun ankaŭ uzas en kelkaj kazoj la esprimon "etna purigado". Plenumita dum milito, genocido estas milita krimo.

La termino **-genocido-** estis unuafoje uzita en oficiala dokumento de **1945**, fare de la Internacia Milita Tribunalo, dum la akuzado de la naziaj militkrimuloj en Nurenbergo. La tribunalo de Nurenbergo preferos novan krimokulpigon: krimo kontraŭ la homaro.

Sed la 11-an de decembro **1946**, la Ĝenerala Asembleo de la Unuiĝintaj Nacioj, kiu konfirmas la jurajn principojn de Nurenbergo, donas unuan difinon de genocido :

**"Genocido estas la rifuzo de ekzisto-rajto al tutaj homgrupoj, same kiel hommurdo estas la rifuzo de ekzistorajto al individuo: tia rifuzo aliigas la homan konscion, trudas grandajn damaĝojn al la homaro, tiel senigita de la kulturaj alportoj aŭ aliaĵoj el tiuj grupoj, kaj kontraŭstaras la moralan leĝon, la spiriton kaj la celon de la Unuiĝintaj Nacioj".**

La 9-an de decembro **1948**, la Ĝenerala Asembleo de la Unuiĝintaj Nacioj unuanime aprobis la tekston **"Konvencio por la prevento kaj puno de la genocida krimo"**, kiu enirigis la vorton "genocidon" en la internacian juran teminaron. Validigita en 1951 kaj reviziita en 1985, la Konvencio deklaras en sia unua artikolo ke "la subskribantaj partoj konfirmas ke genocido, ĉu en paca ĉu en milita tempo, estas krimo kontraŭ homaj rajtoj, kiujn ili engaĝiĝas puni".

Tri grandaj kondiĉoj difinitaj en la artikolo 2 estas necesaj por identigi genocidon:

1. la viktimoj apartenas al iu "nacia, etna, rasa, aŭ religia grupo". Estas do neinkluzivigitaj la grupoj politikaj, ekonomiaj, aŭ kulturaj - kiel la viktimoj de la ruĝaj ĥmeroj en Kamboĝo ekzemple;
2. la membroj de tiu grupo estas mortigitaj aŭ persekutataj pro sia aparteno al tiu grupo, kiuj ajn estu la rimedoj uzitaj tiucele;
3. la genocido estas kolektiva krimo planita, plenumita fare de la povposedantoj de la ŝtato, por ili aŭ kun ilia konsento vortigita aŭ ne.

La artikolo 3 difinas kiel krimon same genocidon mem kiel la kunkonsenton por ĝin plenumi, la rektan kaj publikan instigon, la provon ĝin realigi aŭ la kunrespondecon en tiu realigo. La artikolo 4 agnoskas ke ĉiuj plenumantoj de genocido devas esti punitaj sendepende de sia rolo.

130 ŝtatoj ratifis ĝis nun la konvencion. Sed ĉar genocido estas ŝtata krimo, ĝia prevento kaj puno starigas problemon de miksiĝo en aliŝtataj aferoj, kio malfaciligas la aplikon de tiu aspekto de la konvencio.

**Franclingva retpaĝo**: www.aidh.org
**La franclingva teksto:**
http://www.droitshumains.org/Racisme/G_1.htm



# ARMENA GENOCIDO:
## Ni iom rememoru faktojn

- Komence de sia ekzisto la **otomana imperio entenis plejmulton da kristanoj** (slavoj, grekoj, armenoj, kaŭkazianoj, asirianoj, ...). **La armenoj ĉefe loĝis en la limoj de la antaŭa armenia reĝejo piede de Kaŭkazo** sed ili ankaŭ plejmultis en **suda provinco de malgranda Azio, Cilicio**. Entute ili nombriĝis je **2.000.000** fine de la 19-a jarcento.

- Antaŭ la unua mondmilito dum dekadenco de la otomana imperio, la sultano *Abdul-Hamid* la 2-a incitis al religia malamo por plifirmigi sian povon. Inter 1894 kaj 1896 post ribeloj postulantaj reformojn kaj modernigojn de la institucioj **proksimume 200.000 armenoj estis masakritaj** kaj miliono da homoj estis senposedigitaj aŭ devige konvertitaj al islamo. La usonano *Georges Hepworth* diris en siaj tiamaj raportoj, ke li certas, ke la celo de la turkoj "estas la ekstermo de la armenoj".

- La naciista movado nomata **Junaj Turkoj** ekprenis la povon en la jaro 1909 renversante la sultanon kun la helpo de minoritataj etnoj kaj estrarigis la **Komitaton pri Unio kaj Progreso (KUP)** kun nova sultano ***Mohammed* la 5-a**. Sed KUP, kiu volis krei turkan homogenan nacion ne akceptis la armenajn postulojn pri sendependa ŝtato. **Tial inter la 14-a kaj la 27-a de aprilo 1909 en Cilicio 30.000 armenoj mortis frapitaj de la otomanaj trupoj**.

- La 1-an de novembro 1914 la otoman imperio ekmilitas flanke de Germanio kaj Aŭstrio kaj estas venkita de la Rusoj en januaro 1915. **La estroj de KUP decidis tiam profiti de la milito por definitive solvi la Armenan Aferon.**

- Pretekstante ribelon en la urbo *Van* en februaro 1915 **la centra komitato de la partio kaj du ministroj pri milito pretigis eksterman planon**. La ministro de internaj aferoj *Talaat Pacha* ordonis la murdon. En telegramo al la Junaj Turkoj li klare diris: "... La estraro decidis detrui ĉiujn armenojn de Turkio..." Unue malarmigitaj armenaj soldatoj estas murditaj, eminentuloj el Konstantinopolo estas arestitaj. De majo al julio armenoj el la 7 orientaj provincoj estis amase mortigitaj kaj fine de la jaro la samo okazis en la aliaj imperiaj provincoj kun armena plejmulto, ĉu rekte, ĉu pere de deportado. **Entute oni povas kalkuli de 1.200.000 ĝis 1.500.000 viktimoj**.

- La faktoj estis internacie konataj ekde majo 1915 danke al raportoj de neŭtralaj surlokaj atestantoj, diplomatoj, aŭ eksterlandaj funkciuloj en lernejoj kaj hospitaloj. En 1918 post la malapero de la junturka reĝimo **procesoj kondamnis kontumace la ĉefajn respondeculojn de la genocido je morto**, kiuj jam forfuĝis plejofte Germanien.

- La 10-an de aŭgusto 1920, **la Traktato de *Sèvres*** subskribita de la ĉefaj ŝtatoj engaĝitaj en la milito decidis inter alie, ke "Turkio deklaras agnoski, kiel jam faris la aliancitaj potencoj, Armenion kiel ŝtaton liberan kaj sendependan". Sed **plimulto el la usonaj senatoroj rifuzis ratifi tiun traktaton, ankaŭ malakceptitan de la nacia movado kondukita de *Mustafa Kemal Atatürk*.**

- La 15-an de marto 1921 ***Talaat Pacha* estis murdita en Berlino fare de 23-jaraĝa armeno, *Soghomon Tehlirian***. Dum lia juĝo en junio 1921 atestantoj kaj diversaj dokumentoj kiel 5 telegramoj senditaj de *Talaat Pacha* alportis novan materialon kaj kondukis al kompleta senkulpigo de la murdisto kaj **tiu proceso sekvata de la tuta mondo estis konsiderata kiel kondamno de la respondeculoj de la genocido.** Tamen la du turkaj historiistoj *Orel* kaj *Yuca* poste kontestis la aŭtentecon de la dokumentoj prezentitaj dum la proceso.

- En julio 1923 **la traktato de Laŭzano** rekonis la leĝecon de la *Ankara*-registaro sen mencii la armenajn teritoriojn de Turkio (same kiel la kurdajn teritoriojn).

- Hodiaŭ **Turkio rifuzas agnoski la armenan genocidon** kaj armena turkia ĵurnalisto antaŭ ne longe estis kondamnita ĉar li nomis sin armena turkiano anstataŭ tutsimple turko. Tamen en majo 2005 turkaj historiistoj rifuzantaj la oficialajn tezojn povis organizi kolokvon, tre kontestitan de diversaj turkaj instancoj, pri la otomanaj armenoj. Informado libera kaj objektiva pri la masakroj ne eblas en Turkio kaj turka verkisto deklarinta en 2005, ke 1.000.000 da armenoj kaj 30.000 da kurdoj estis mortigitaj en Turkio, vidis la detruon de ĉiuj siaj verkoj. Tamen la 19-an de januaro 2007 kiam *Hrant Dink* ĉefredaktoro de armena revuo en Istambulo estis murdita de naciisto, ĉirkaŭ 100.000 turkoj manifestaciis sur la stratoj deklarante "ni ĉiuj estas armenoj". Se 80% de la turkoj opinias, ke Turkio devus rompi la aliĝ-negocadojn kun Eŭropo se tiu lasta postulas la agnoskon de la genocido, pluraj intelektuloj kaj militantoj por la Homaj Rajtoj kontestas la historian tezon de *Ankara*.

# LAŬZANA PROCESO KONTRAŬ TURKO KIU NEIS LA ARMENAN GENOCIDON



*Dogu Perinçek*, 65-jarulo estas ĉefo de la maldekstra Turka Laborista Partio. Maoista veterano li paradokse fariĝis naciista kaj kontraŭeŭropa. En Turkio mem li estas kontestata pro tiuj ideoj. Kaj en Svislando li plurfoje neis la armenan genocidon dum la jaro 2005 parolante pri "internacia mensogo". Kaŭze de tiuj deklaroj li estis asignita la 6-an de marto antaŭ la polica tribunalo de Laŭzano.

Ekde la 1-a de januaro 1995 validas la artikolo 261bis de la svisa Puna Kodo kontraŭ rasismo kaj etna diskriminacio. En ĝi oni povas interalie legi, ke "tiu, kiu publike .... neos, malgravigos, aŭ pravigos genocidon aŭ alian kontraŭhomaran krimon estos punita per maksimume trijara malliberiĝo aŭ per financa kontribuo".
Kiel en multaj aliaj landoj la Nacia Konsilantaro (unu ĉambro de la svisa parlamento, kiu reprenzentas la svisan popolon dum la alia, la Konsilantaro de la Ŝtatoj reprezentas la kantonojn) en la jaro 2003 rekonis la armenan genocidon. Ĝi ankaŭ estis agnoskita de la ĝeneva kantono kaj de la vaŭda parlamento. Sed ĝi ne estis rekonita de la svisa estraro, la Federala Konsilantaro, kio kondukas foje al paradoksaj situacioj. Tiuj agnoskoj kreis kelkajn rilatajn problemojn inter Svislando kaj Turkio kaj pluraj vojaĝoj de federalaj konsilantoj (ministroj, kiuj laŭvice fariĝas prezidentoj de la Konfederacio) estis nuligitaj. La unua *Pascal Couchepin* montriĝis prudenta dum lastatempa vizito en Turkio. Neniam li uzis la vorton genocido sed tamen petis, ke internaciaj fakuloj serioze klarigu la aferon. Pli ŝoka estis la vizito de *Christoph Blocher,* alia federala konsilanto, kiu en Turkio mem kritikis la svisan kontraŭrasisman leĝon (pri kiu li nun laboras kun la celo ĝin malfortigi).
La 24-an de julio 2005 dum la 82-a jubileo de la laŭzana traktato (vidu p. 19) *Dogu Perinçek* taksis la agnoskon de la armena genocido de mensogo. Kaj simile li esprimiĝis du aliajn fojn en la zurika kaj berna kantonoj.
Tiu proceso estis atendita kun iom da zorgo ĉar subtenantoj estis atenditaj el Germanio. Ili finfine estis nur 150 kaj la armen-svisa asocio, la plenda partio, ĉiam konservis tre diskretan sintenon.
Antaŭ la la juĝisto la akuzito diris: "la genocidon mi ne neis ĉar tutsimple ne estis genocido". Historiistoj estis invititaj kiel asistantoj. *Justin McCarthy*, usonano el la universitato de *Louisville* (*Kentucky*) rigardis kiel eraron nomi la armenan masakron genocido. "Se oni prenas la difinon de UN, ne povas ekzisti milito sen genocido". La franca verkisto *Jean-Michel Thibaux*, kiu prenis la turkan naciecon kiam la franca Nacia Asembleo rekonis la genocidon, deklaris "La deportadoj estas kontraŭhomaraj krimoj. Sed mankas planado kaj organizado por paroli pri genocido". Tiu atestanto, laŭ propra konfeso, estis petita veni al la proceso fare de la ministro pri Eksterlandaj Aferoj de Turkio. *Yves Ternon*, invitita de la Asocio Svis-armena, asertis, ke "la deportadoj formas en si mem metodon de genocido" kaj laŭ li la neismaj tezoj aŭditaj dum la aŭdienco estas ligitaj al la "turka neismo" reganta en Turkio. La advokato de la akuzito opinias, ke tiu afero finos antaŭ la Eŭropa Kortumo de Strasburgo kia ajn estos la verdikto.
La tribunalo konsideris, ke la armena genocido estas "nekontestinda fakto", ke sendube la akuzito intence agis deklarante, ke "la genocido estas internacia mensogo", ke liaj motivoj estas kaj rasismaj kaj naciistaj. *Dogu Perinçek* estis do kondamnita je la samvaloreco de 90 tagoj en monpuno kun prokrasto kaj je 3000 svisaj frankoj (1800 eŭroj) de firma monpuno. Li deklaris, ke la laŭzana juĝisto agis pro "rasista malamo" al Turkio. En *Ankara* li estis akceptita kiel heroo kaj la turka gazetaro alianciĝis kontraŭ la laŭzana tribunalo. Li apelaciis al la vaŭda kasacia kortumo, kiu konfirmis la martan verdikton de la laŭzana tribunalo rekonante lin kulpa pri rasa diskriminacio.
Pli grava estos la apelacio al la federala tribunalo tre verŝajne konkludota fine de tiu jaro.

Foto el www.rsr.ch

# PRI LA ALIAJ NUNTEMPAJ GENOCIDAJ DEMANDOJ

## DARFURA MILITO

Tiu interrna milito komenciĝis en 2003, fine de la sud-sudana milito, kiu kaŭzis 2.000.000 da mortintoj en 20 jaroj. Tiam la darfuranoj utiligitaj de Kartumo kontraŭ la sudo ekkonsciis, ke la paco riskas plu marĝenigi ilin.

Por resumi ni diru, ke tiu armea konflikto disvolviĝanta en okcidenta provinco de Sudano, Darfuro, kontraŭstarigas unuflanke la ribelantajn fortojn de la "afrikaj" triboj kaj la Movado por Justico kaj Egaleco al aliflanke araba milico rekrutita en la norda arabigita popolo, kaj armata de la sudana estraro, la Ĝanĝaŭidoj[1] (militaj kavaliroj). Surloke ankaŭ troviĝas 7.000 soldatoj de Afrika Unuiĝo, kiu senefike provas protekti la civilulojn. La kartuma estraro ĝis nun ne akceptis, ke UN-soldatoj venu helpi la mision de Afrika Unuiĝo.



La kaŭzoj de tiu milito multas. Antaŭ ĉio "rasa milito" diras *Gérard Prunier*[2], fakulo pri orienta Afriko kaj Sudano. Sed paradokse li ankaŭ diras, ke ne estas grandaj aspektaj diferencoj inter la nordaj kaj la sudaj etnoj. En Sudano, same kiel en suda Egiptio ĉiuj pli malpli haŭte nigras kaj la miksiĝo de la homoj eĉ malfaciligas scii, kiu estas arabparolanto, kaj kiu ne. Laŭ la tradicio islamo estis enkondukita en Darfuron je la 14-a jarcento kaj la norduloj iĝis arablingvaj laŭ diversaj etapoj, sed ĉiuj loĝantoj de Darfuro estas muzulmanoj, tial oni tute ne povas konsideri tiun militon kiel religian male al la unua sudana milito, kiu kontraŭstarigis islamanojn al animistoj kaj kristanoj. La araba kulturo estas konsiderata en tiu regiono kiel supera sed ankaŭ blankula (eĉ se ni jam diris, ke ĉiuj plimalpli nigre haŭtkoloras).

Interesas noti, ke Darfuro estis sendependa de Sudano ĝis 1916 kaj estis plurflanke marĝenigita ĉu dum la kolonia epoko, ĉu de la postaj registaroj. Ekde 1983 la sudana estraro kondukas rasistan politikon kontraŭ la popoloj konsiderataj kiel ne arabaj. Kaj tio pli akcentiĝis kun la militista-integrista ĵunto, kiu regas ekde 1989. *Gérard Prunier* opinias, ke ne nur temas pri malfacila disdivido de povo, riĉeco kaj tero, sed pri milito kontraŭ "nigruloj" despli, ke tiuj lastaj vidas sin tiaj, kaj tiaj ekribelas. Sed tiu milito ankaŭ estas konflikto inter la centro kaj la periferiaj regionoj ĉiuj forte marĝenigitaj. Dum la popolo nombre forte kreskas en Darfuro, la medicinaj, transportaj kaj edukaj strukturoj ne sekvas. Al tiu konflikto ankaŭ miksiĝas internaciaj interesoj: Usono subtenas la ribelantojn dum Rusio kaj Ĉinio, kiuj subtenas Kartumon, malhelpas internaciajn solvojn pere de sia vetoo en la UN-Sekureckonsilio. Pro petrolo asertas multaj. Sed oni ne scias ĉu estas petrolo en Darfuro, diras *Gérard Prunier*.

Ĝis nun 400.000 homoj mortis kaj 2.000.000 fuĝis pro la milito sed tio ne sufiĉas por paroli pri vera genocido. *Gérard Prunier*, kiu verkis pri "ambigua genocido" absolute konsentas, ke ne estis plano flanke de Kartumo en 2003 kiam eksplodis la ribelo. Male estis granda surprizo por la registaro. Sed laŭ *Gérard Prunier* "agendo" kun genocidaj celoj ekzistis longe antaŭe. Ĝi estis la programo en 1965 de islamista grupo la *Taĝamah al Arabî* (Araba Unio), kiu kredas je arabkultura hegemonio en Darfuro. Kaj fronte al la darfura ribelo la sudana registaro alianciĝis al tiu grupo, kies ideologio ankaŭ inspiras la Ĝanĝaŭidojn, kaj laŭ *Gérard Prunier* Kartumo adoptis la genocidajn tezojn de tiu islamista grupo. Samtempe tiu *Taĝamah al Arabî* ekde sia komenco estis subtenata de Libio, kiu ankaŭ havas interesojn en la regiono en sia (almenaŭ iama) imperiema deziro konkeri Ĉadon.

## GENOCIDO EN *SREBRENICA*

En februaro de tiu ĉi jaro la Internacia Justic-Kortumo deklaris, ke la masakroj faritaj en julio 1995 en kelkaj tagoj, estis genocidaj. Sed la Kortumo ankaŭ decidis, ke Serbio estas nek kulpa nek komplica, same kiel la helpo de la tiama serba ŝtato al la bosniaj serboj. La Kortumo tamen konsideris klare, ke Serbio nenion faris por tion malhelpi.

Unuafoje ekde la Konvencio de 1948, ŝtato estis juĝita de kortumo por genocido surbaze de aliŝtata plendo. Kaj de tiu proceso rezultas krimo sen kulpulo aŭ verŝajne la internacia mondo atendas, ke gerenalo *Mladić*, kiu gvidis la serbajn fortojn por eniri Srebrenicon, estu liverita de Serbio por esti juĝita kaj estu trovita kulpulo. Kaj certe lia rolo en la tuta jugoslavia milito kaj aparte en tiu krimo ne malgravis. Se generalo *Mladić* ĉesos esti protektata por esti juĝita oni povos konsideri la decidon de la Kortumo kiel saĝan. ***N.M.***

Notoj:

1. Laŭ *Gérard Prunier*, la Ĝanĝaŭidoj (30.000) estas ĉu liberigitaj krimuloj, ĉu dezertantoj kaj ne vere reprezentas la nordan arbigitan popolon.
2. *Gérard Prunier* interalie verkis libron titolitan: "Darfuro, ambigua genocido", eldonojo : *Table Ronde*.

Foto :http://www.canadaeast.com/ce2/fr/article.php?articleID=158679&section=internati onal

*Nicolas Xil Carvalho*

## DUFOJE MEJLOŜTONO POR LA ASTURLEONA LINGVO




Kiam en la 1906-a jaro oni publikigis la verkon de profesoro *Ramón Menéndez Pidal* "*El dialecto leonés*" (la leona dialekto) ĝi estis difinita kiel la "unua ŝtono por la Katedralo de la Lingvo". Kurioze tiu ĉi verko estis planita, kune kun alia pri la aragona, kiel bazo por pli posta Historio de la Hispana Lingvo. Sed la aŭtoro, studante la trajtojn de la lingvo uzata en la antikva Leona Regno, anstataŭ malkovri la originon de la hispana lingvo, difinis la limojn de la asturleona disde la galegoportugala kaj la kastilia. La verko el simpla dialektologia studo estiĝis mejloŝtono de la asturleona lingvistiko.




Cent jaroj post tiu evento la asturleona luktas por pluvivi kaj la tasko ne facilas. Okaze de la centjariĝo de "*El dialekto leonés*" oni faksimile eldonis ĝin aldonante la enketilojn kiujn oni uzis dum la surterenaj laboroj. Sed pli gravas ke la nova eldono enhavas ankaŭ tekstojn en la asturleona de nuntempaj aŭtoroj kune kun disko kie estas surbendigitaj la tekstoj fare de la aŭtoroj mem. Ne nur oni povas legi pri la lingvo, sed legi kaj aŭskulti la lingvon mem! Por tiel suferanta lingvo kiel la asturleona jen vera mejloŝtono.

Restas al ni esperi ke ĝi utilu al plivigligo de la lingvo kaj ke oni ne devu atendi dum pliaj cent jaroj por trovi finkonstruita la domon. ***N.X.C.***

**ASTURLEONA LINGVO**

La asturia lingvo estas latinida lingvo, parolata precipe en la nordhispaniaj regionoj de Asturio kaj Leono, tial oni ankaŭ nomas ĝin asturleona, sed ĝi ankaŭ parolatas en *Miranda de Douro* (Portugalio), kie ĝi nun estas oficiale agnoskita. Ĝi estis la oficala lingvo de la Reĝlando Leono, kaj historie same grava kiel la kastilia. Asturio ekde 1982 havas aŭtonoman statuton, sed male al *Miranda de Douro* ĝi ne oficialigis la asturan lingvon same kiel Leono, kiu apartenas al la granda aŭtonoma regiono Kastilio kaj Leono.

## K O N C I Z E E L ...

**HISPANIO. *Ambista*, nova retrevuo en la aragona.** Komence de majo aperis nova retrevuo en la aragona lingvo, Ambista. Ĝin kreis la eldonejo *Limaco* el la komunumo de *Zinco Billas* situanta nore de la provinco *Zaragoza*.

La virtuala publikaĵo traktas kulturajn temojn kiel arkitekturon, folkloron, tradicion, literaturon kaj kompreneble aragonan lingvon.

La aragona lingvo estas latinida, parolata en la nordaj valoj de la hispania regiono Aragono, piede de la Pireneoj. Ĝi ankoraŭ ne havas oficialan statuton kaj estas uzata de ĉirkaŭ 10.000 personoj.

Sendis la informon *Hèctor Alòs i Font*
http://www.limacoedizions.com/public/rebista/index.php

**ESPERANTIO. La Kalumeto, komunikilo de la Projekto Indiĝenaj Popoloj (PIP)** En marto 2007 aperis la dua numero de La Kalumeto. Ĝia enkonduko, humure titolas "La rakonto de la Kalumeto senfuma", kaj la redaktanto de tiu bulteno, *Erik Felker*, avertas : "Kvankam ĉi tiu numero de La Kalumeto plenas je informoj pri diversaj lingvoj kaj kulturoj, estas gravaj temoj, kiuj restas netraktitaj: la rolo de PIP rilate la komunikadon inter indiĝenoj diverslingvaj, la protektado de indiĝenaj lingvoj kaj kulturoj, kaj la rolo de Esperanto kaj PIP en la plenumado de tiuj celoj". "Defendo de indiĝenaj lingvoj estas defendo de homaj rajtoj, ĝi estas defendo de intima rilato kun naturo, de gravaj, specifaj, naturaj konoj, de kulturoj, de nia homa pasinteco" diras ankoraŭ la enkonduko

La bulteno koncize raportas pri lingvaj diskriminacioj, en Kenjo, pri lingvocentro starigita en la aŭstralia urbo *Albury/Ŭodonga* en Aŭstralio por ke la indiĝenoj religu sin al la propra lingvo kaj ekkonu aliajn indiĝenajn lingvojn, pri Traduko de komputilaj programaroj kaj klavaroj en la 7 oficialaj lingvoj de Sudafriko, pri eltiraĵo el la lingva politiko de Afrika Unio, kiu diras interalie, ke "amasalfabetigaj kampanjoj ne povas sukcesi sen la uzado de indiĝenaj afrikaj lingvoj, pri la svahila lingvo, "kunmetaĵo el

bantua gramatiko kun araba kaj persa leksiko" same kiel influo de la koloniaj lingvoj, la angla, la germana. Ĝi finiĝas per havajaj ĉantoj. ***Etnismo*** 78

parolis pri la Deklaracio de UEA pri Indiĝenaj Popoloj el kiu venas la Projekto Indiĝenaj Popoloj.

<http://www.uea.org/vikio/Numeroj_De_La_Revueto_La_Kalumeto>

# *L E T E R O J D E L E G A N T O J*

## RETOROMANĈA – RAETOROMANĈA

***Ni ricevis du leterojn sekve al la debato pri la termino uzenda por nomi la lingvon de la svisa kantono Grizono, la romanĉan lingvon. (Etnismo 79, 12/2006 p. 15). Fine Daniele Vitali, prezidanto de IKEL, precizigos sian opinion .***

### Letero de *Richard Schneller*

La originala titolo de la artikolo estis "La retoromanĉa nuntempe" (kaj ne "reti-romanĉa" kiel oni erare kopiis). *Daniele Vitali* proponas sekvan klasifikon: *romanĉa* por la lingvo de Grizono, *ladina* por la lingvo parolata en la italaj Dolomitoj, *friula* por la lingvo de Friulo kaj *raetia* kiel komuna difino por tiuj tri lingvoj. Laŭ li *reto* ne konvenas ĉar ĝi povas ankaŭ signifi *teksaĵon*. Nu, en esperanto ekzistas multaj vortoj havantaj du aŭ plurajn signifojn, ekzemple *kabo:* 1. terlando elstaranta el la maro, 2. fiakro, 3. mezurunuo de kapacito. La ladina estas parolata ne nur en la italaj Dolomitoj sed ankaŭ en Engadino, parto de Grizono. La komenco de la fame konata kanto engadina tekstas: *"Chara lingua da la mamma, tü sonor rumantsch ladin…"* ***R.S.***

### Respondo de la redaktistoj

Unue pri la titolo de via artikolo, kiun ni reproduktis en la numero 78 de ***Etnismo,*** vi tute pravas. Ni jam eraris en la piednoto klariganta nian elekton por la titolo. Via titolo efektive ne estis "La reti-romanĉa nuntempe", lingvaĵon, kiun vi-mem kritikis en via letero aperinta en la numero 79, sed "La reto-romanĉa nuntempe". Ni pardonpetas pro la malatento. La redaktistoj

### Letero de Dr. Phil. *Dirk Willkommen*

Geestimataj,

Iam mi decidis, ke mi neniam partoprenos en rondo de diskutantoj pri geografiaj nomoj, bone, ke mi ne ĵuris, entute ne tuŝi la aferon, ĉar jen mi faras *proponon* dirante mian opinion (ne speciale estante fakulo pri tiu regiono en Eŭropo, tamen estinte gasto de svisaj parolantoj de la "romanĉa" kun rapidkurso de 14 tagoj). Mi kredas, ke mi simple havas plej praktikan kaj sufiĉe adekvatan solvon, kiu tamen ne (tre) pekas kontraŭ la oficiala (N)PIV. Estante ioma fakulo pri la nordo, mi povas bone vivi kun Groenlando (almenaŭ trovebla en NPIV, kaj bone rekonebla skribe), NPIV: Gron-, forprenante la umlaŭton. Same *paralelige* mi devus/bone povus akcepti Raetion (korekta paralelo al "Gron-" estus "Ratio", forprenante la umlaŭton). Kion ajn vi faras koncerne la "regionajn/landajn" nomojn, vi ekigas lavangon, tiu temo simple ne obeas al kompleta skemeco. Se mi havus la eblecon tuŝi tiun demandon kiel ankoraŭ komplete neplugitan kampon, mi proponus post la antaŭaj konsideroj: **Raetio, raeti*latina*** (la antikva, la alternativon "ret" mi povus akcepti, permisita evito de Rat-i-o, ratoj!) **romanĉa** - svisromanĉa (grizonromanĉa "!***Rumantsch***! Grischun", surselvr.., engadinr...), friulromanĉa, ladin(i)romanĉa.

Do, la nunaj retoj parolas romanĉan lingvon/lingvaron.

"Romanĉa" estas ja tute klara afero, ĉiu komprenas, la Raet-, Ret- ja nur restas *etnolingva aldono* en *Esperanto ne necesa*. La etnolingvoj devas per tio disigi, ekz. germane: *romanisch* (latinida) kaj *raetoromanisch* (latinida de provinco *Raetien*). En Esperanto tiu problemo ne ekzistas, ĝuste pro la diferenco de la latinida, romanĉa.

La homonimeco de "ret-" (lando), "ret-" (teksaĵo) laŭ mi ne estas danĝera, tamen "retio" tutrajte povus aperi metafore por la elektronikreta mondo. La kunteksto verŝajne malebligus konfuzon. Oni ne komplete povas eviti homonimojn, ĉiu lingvo povas bone vivi kun ili, sed tamen oni provu eviti nenecesajn, tio parolus por "raet-". ***D.W.***

### Respondo de *Daniele Vitali*

Mi plu opinias ke raetoj estu la antikva popolo, Raetio la antikva romia provinco, raetia la komuna lingvonomo por romanĉa, ladina kaj friula. Problemo ekestus se ni bezonus komunan etnonomon por romanĉoj, ladinoj kaj friulanoj. Mi siatempe uzis "raetidoj" sed evidentas ke ne estas bona solvo, ne nur ĉar en Friulo neniam estis raetoj sed, pli ĝenerale, ĉar la romanĉa kaj ladina NE estas la rezulto de miksaĵo inter la raeta (antikva lingvo de la raetoj) kaj la latina: tio estis simple ideo de superita teorio pri "lingva subtavolo" kiu ne tro taŭgas laŭ la hodiaŭaj scioj. Fakte la romanĉa, ladina kaj friula intersimilas simple ĉar ili estas periferiaj kaj konservemaj postrestaĵoj de antikva unueco kun la padia, kiel bone montras la karakterizaĵoj de la alpaj subdialektoj de la lombarda dialekto de la padia. Ekzistas bibliografio pri tio, kiel la monumenta universitata disertacio "*The Linguistic Unity of Northern Italy and Rhaetia*" de la lingvisto *Geoffrey Hull* el Aŭstralio kaj eĉ artikolo en la romanĉa de *A. Schorta* (do ne suspektebla pri la sama truko de italaj lingvistoj de la pasinteco kiel *Battisti* kiuj, konsiderante la padiajn dialektojn kiel variaĵojn de la itala, volis nei la neitalecon de la romanĉa, ladina kaj friula). ***D.V.***



**- INFORMILO 60**

**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj**
**Honora prezidanto:**
**Uwe Joachim Moritz**

## KUNVOKO AL LA IKEL-MEMBROKUNSIDO

Ĉiuj IKEL-membroj kaj ĉiuj partoprenantoj estas invititaj partopreni al nia membro kunveno, kiu okazos dum la 92-a Universala Kongreso en Jokohamo (Japanio) fine de julio 2007. Provizora tagordo :

1. Agadraporto koncerne la pasintan jaron.
2. Kontoj koncerne la pasintan jaron.
3. Diskuto pri la estonteco de IKEL.

## FAKKUNVENO DE IKEL

Ĉiuj IKEL-membroj kaj ĉiuj partoprenantoj estas invititaj partopreni en nia fakkunveno gvidata de nia estrarano Xabi Rico Iturriotz.

Programo :

### De la eŭskoj ĝis la ainoj
### Kiel subteni kulturan diversecon?

**IKEL** ankaŭ havos budon ĉe la Movada Foiro.

Pri la horoj kaj la lokoj de tiuj diversaj aranĝoj bonvolu konsulti la kongresan libron.

*Daniele Vitali*

## Ni serĉas legantojn-recenzantojn por:

- Bretonaj fabeloj, de *Jean-Pierre Ducloyer*. Kvankam originale verkitaj en esperanto, profunde inspiritaj de la bretona folkloro.
- “*Kannibalen und Schamanen - Verbreitete Irrtümer über fremde Völker*” ("Kanibaloj kaj ŝamanoj - Disvastigitaj eraroj pri fremdaj popoloj") de *Gereon Janzing*, eld. *Werner Pieper & The Grüne Kraft*. ISBN: 978-3-922708-59-9.
  Ĉi tiu germanlingva verko pritraktas diversajn antaŭjuĝojn pri fremdaj popoloj, kulturoj kaj lingvoj, ekz-e la kanibalismon de la papuoj, la bantudialektojn de Afriko, la Manituon de la indianoj kaj la lingvojn sen abstraktkapableco. Inter la temoj pri lingvoj apude pritraktatas ankaŭ la demando, ĉu Esperanto estas fiaskinta projekto.

**Informilo pri etnaj problemoj**

La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL)** ricevas ***Etnismo***-n sen krompago. Aparta jarabono (normale: 2 aŭ 3 kajeroj de sume 36 paĝoj) kostas 10 €. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la “**IKEL-Informilo**” estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

## ESTRARO:

**PREZIDANTO: Daniele VITALI** (padiano), 6-12 rue du Fort Wallis, L-2714 Lëtzebuerg/Luxembourg
tel: ++ 352 48 94 24, retadreso: ikel@uea.org
TTT-ejo: www.geocities.com/ikeldv

**VICPREZIDANTINO KAJ REDAKTISTINO**:
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino), ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono), 1062 postakutxa, 20080 Donostia, Gipuzkoa, Euskal Herria/Eúskio
tel: ++ 34 630 44 68 63, retadreso: n.xil@kzgunea.net

**KASISTINO: Ursula SCHNELLE-MORITZ** (platdiĉino)
Marsweg 5, D-26209 Sandhatten, tel: ++ 49-4482-97225

**KUNREDAKTISTO: Alain FAVRE** (savojano), Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171, F-74140 Chens-sur-Léman
tel: ++ 33 450 94 02 08, retadreso: afavre1@hotmail.com

**GEESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), av. Pla del Vinyet, 91, 1r 1a, 08190 Sant Cugat del Vallès, Katalunio, tel. ++ 34 93 589 75 33, retadreso: h.alos@esperanto-ct.org
**István ERTL** (hungaro), 39, rue Robert Schuman L-7382 Helmdange, Luksemburgio, tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: ertl@tiscali.be
**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko), Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz Euskal Herria-Eŭskio retadreso xabirico@euskalnet.net

**SENDOSERVO:**
**KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO**, poŝtkesto 1008, E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: ++ 34 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

## Kotizoj kaj kontoj:

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ “triamonda” lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  **DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF**
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  **IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21**
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: **SE9595000099604200743740**,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku “**ikel-y**” kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi ke via kompleta kotizo alvenu en la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

***Ursel Schnelle Moritz***, kasistino

•••••••

**NOVAĴO**: eblas reklami en ***Etnismo***!

Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6 p. 15.Rabato por membroj de IKEL: 10 %.

**Venonta redaktolimdato:**
**30-a de septembro 2007**